# LA LIRO
## DE LA ESPERANTISTOJ.



KOLEKTO DA VERSAĴOJ
EN LA LINGVO INTERNACIA
„ESPERANTO“.

ELDONIS
A. GRABOWSKI.






NURNBERG
W. Tümmel's Buch- und Kunstdruckerei.
1893.

# Al la Legantoj.

Anta' vi, Amikoj-Esperantistoj, kuŝas tuta libro de kantoj, tuta granda bukedo el la printempaj floroj de nia juna internacja poezjo.

Longe ed diligente mi kolektadis la materjalon por la «Liro», hodje prezentas kun ĝojo la pretan libron al nia amika rondo, ed esperas, ke lo estos akceptita afable kiel nova ed grava akiro de la literaturo Esperanta.

Se iam ni aŭdis l'antajuĝon, ke lingvo internacja ne povos taŭgi por la poezjo — la Liro fine ed plej bone pruvas la kontraon; — se oni esprimis la opinjon, ke lingvo internacja ne bezonas poezjon, per la Liro vidiĝas en ligita parolado plej bone la forto, fleksebleco ed eŭfonjo de nia lingvo, ed kio estas pli grava, la Liro montras, en kiel alta grado poezjo perfektigas lingvon:

La silaba severe mezurita longeco de versoj, la elektado de vortoj belsonaj, loja harmonja dismetado en ritmaj grupoj de troĥeoj, jamboj, daktiloj, amfibraĥoj ed anapestoj, la entranĉoj cezuraj, la rima kunsonado de vortoj, la serĉado de novaj rimoj ed la evitado de la monotonaj, rimoj sufiksaj, per unu vorto la tuta artista teĥnika aparato de la formo influas forte sur la enhavon ed kaŭzas, ke la poeto, devigita ĉiam zorge elektadi inter la diversaj eblaj manjeroj de la esprimo de sia penso — formas novajn retorajn figurojn

ed pentraĵojn ed riĉigas la frazeologjon per lertaj mallongaj ed precizaj turnoj de parolado, kiuj poste fariĝas anke l'akiro de la prozo ed de la lingvo de la ĉjutaga vivo.

La vastiĝo ed enfluo de la lingvo Esperanto kreskos unutempe kun la kresko ed disvolvo de la bela literaturo; kondamni la lingvon de la komenco esti nur ĵargono komercista, signifas tion saman, kiel subfosi la estontecon de la lingvo.

Mi diris, ke en poezjo montriĝas la beleco de lingvo, sed mi devas anke aldoni, ke tiel same en poezjo estas sentata la plej facile ĉiu akraĵo, ĉiu sono malpli pura. Tial sekvante en la prozaj, de mi ĝis nun eldonitaj verketoj, la oficjalan stilon de nia Majstro, mi ne povis kontrastari al la tento, agordi en poezja kolekto kelkajn tonojn terure dissonantajn en la harmonjo de Esperanto, forigi laŭ eblo, kie mi povis, la nenaturan akcenton de vortoj, kiu ofendas ĉiun instruitan, pli delikatan orelon. (Komparu ekzemple: baldaŭ, hiéraŭ, hodíaŭ, regúlo, nebúlo, okúlo, ebéna, sukéro, azéno, radío, linío, lilío, Germanújo, patrújo, kaj kiaj, ĝi fariĝis edc.)

Ne volante atendi tro longe ian aŭtoritan akademjon, (ĉar ne akademjo sed verkistoj perfektigas lingvon ed nia lingvo anke ne estas la kreo de ia akademjo, sed de unu genjala homo), mi faris tion, kio de longe ĉjuflanke estis sentata ed vane proponata.

Tamen mi ne rompis la unuecon de la lingvo, ne tuŝis la gramatikon, ne ŝanĝis la vortaron; kun escepto de la pli internacja ed pli bonsona ligilo «ed» en loko de la malfeliĉa greka «kaj», mi enkondukis neniun vorton novan. — Kiel en la antikveco la komuna lingvo greka (*κοινὴ διάλεκτος*) ne estis

signife alje formita per la multaj diversaj dialektoj, tiel same la lingvo internacja Esperanto restos ĉiam komune komprenebla kun tiaj fonetikaj deklinoj kiel la faritaj de mi en la Liro. —

La tutan reformon mi faris tre singarde: per sola helpo de-l' apostrofo ed per aldono de surdiga pjedeto al la vokalo «i», kiu transformiĝis en la nur iom pli mallonge sed simile sonantan, nesilaban konsonantan «j». Tiamanjere:

1) Per l'apostrofo la sovaĝaj sonoj: aŭ, aŭi, aŭu, aŭe, iaŭ, iaŭe estas forigitaj.

2) Per helpo de «j», la ofte uzataj pronomoj kunrilataj: kiu, kio, kie, kiel, tiel edc. fariĝis laŭ bezono unu-aŭ dusilabaj*). (NB. la proponita apostrofo en loko de «i» en tiuj vortoj enkondukus formojn dusencajn ed konfuzon en lingvo ed vortaro.)

3) Dank' al apostrofo ed al la konsonanta «j» multaj vortoj rericevis la naturan sonon ed akcenton ed fariĝis per unu silabo pli mallongaj. (Komparu ekzemple: neb'lo, ok'lo, reg'lo, speg'lo, suk'ro, az'no, eh'ne, radjo, familjo, papiljo, nacjo, hodj'e, hjer'e, German'jo, Franc'jo, Ital'jo patr'jo edc.)

4) La kunmeto de «l'» kun «o» donis l'o = lo (itale-hispana), egalsignifan kun la malbela, senpatr'ja «ĝi», kiu ĉe renkontado kun «iĝ» kaŭzis veran kakofonjon.

5) Fine la enkonduko de «ed» en loko de la gorĝa «kaj», egale finiĝanta kiel la pluralo de-l' adjektivoj,

*) En loko de «iu, kiu, tiu, ĉiu, neniu» la sistemo de nia lingvo permesas anke skribi: «i', ki', ti', ĉi', neni'»; tiam nur la signo de proksimeco «-ĉi» bezonus aljan formon, ekz.: «sa» (ça france); sekve estus: tiu-ĉi = ti'-sa, (this, diese[r], angle-germane), tie-ĉi = tie-sa aŭ tute simple „sa“.

faris ke la monotonjo de la lastaj, interrompita per «ed», nun multe malpli estas sentata, ed ke nun la plurala formo de-l' adjektivoj povas resti netuŝita, kun granda utilo por la libereco de vortametado.

Entute dank' al la kelkaj ŝanĝetoj, kiuj povas eĉ esti rigardataj kiel poezja libereco, nia lingvo sonas nun en la Liro multe pli bele, pli harmonje. Ĉiu leganto, kiu volas konvinkiĝi pri la vereco de lo dirita, bezonas nur ekprovi la legadon de la versaĵoj laŭ la malnova manjero ed li tuj eksentos la grandegan diferencon.

Pri la stilo de la Liro mi malfermas voĉodonadon de nia Ligo (Rigardu N-ro 1/37 de-l' Esperantisto), ed petas la Amikojn-Esperantistojn esprimi al mi ilian opinjon pri la diritaj reformoj, sendadi ilian «por» aŭ «kontra» sub mia sube donita adreso.

En espero, ke ĉiuj estimataj legantoj partoprenos en la voĉodonado, kies rezultato estos leĝodonanta por la stilo de nia centra organo, mi restas kun kora saluto internacja.

**Ivanovo-Voznesensk.**
(Rus'jo, Vladimira gubernjo.)

**A. Grabowski.**

## 1.

## Al la „Esperantisto“.

En bona hor'! Ni aŭdis la signalon
Ed*) bataleme saltas nia koro.
Konduku nin, komencu la batalon
Sub bona stelo, en feliĉa horo!

Amikoj de proksime, malproksime,
Salutas vin, ho nia luma stelo!
Konduku nin, senhalte ed sentime,
Al nia granda, sankta, glora celo!

Ne tre facila estos nia vojo
Ed ne malmulte ank'e ni suferos;
Sed batalante, kun plej granda ĝojo
Senhalte ni laboros ed esporos.

For estas jam la baroj de-l' komenco,
L'unua muro estas trarompita,
Ed dolĉa estos nia rekompenco,
Kiam la celo estos alvenita.

Dr. Ludvik Zamenhof.

*) Ed (kaj). Itale.



## 2.

## L' Espero.

---

En la mondon venis nova sento,
Tra la mondo iras forta voko;
Per flugiloj de facila vento
Nun de loko flugu l'o*) al loko.

Ne al glavo sangon soifanta
L'o la homan tiras familion:
Al la mond' eterne militanta
L'o promesas sanktan harmonion.

Sub la sankta signo de-l' espero
Kolektiĝas pacaj batalantoj,
Ed rapide kreskas la afero
Per laboro de la esperantoj.

Forte staras muroj de miljaroj
Inter la popoloj dividitaj;
Sed dissaltos la obstinaj baroj
Per la sankta amo disbatitaj.

Sur neŭtrala lingva fundamento,
Komprenante unu la alian,
La popoloj faros en konsento
Unu grandan rondon familian.

---

*) lo (ĝi). Itale, hispane.

Nia diligenta kolegaro
En laboro paca ne laciĝos
Ĝis la bela sonĝo de-l' homaro
Por eterna ben' efektiviĝos.

Dr. Ludvik Zamenhof.



3.

## Al la fratoj.

Forte ni staru, fratoj amataj,
Por nia sankta afero!
Ni bataladu kune tenataj
Per unu bela espero!

Regas ankor'e nokto sen luno,
La mondo dormas obstine,
Sed jam leviĝos bald'e la suno
Por lumi, brili senfine.

Veku, ho veku, veku konstante,
Ne timu ridon, insulton!
Voku, ho voku, ripetadante,
Ĝis vi atingos aŭskulton!

Dekon da fojoj vane perdiĝos
La voko via ridata, —
La dekunua alradikiĝos,
Ed kreskos frukto benata.

Tre malproksime ĉiuj ni staras
La unu de la alia . . .
Kie vi estas, kion vi faras,
Ho, karaj fratoj vi miaj?

Vi en la urbo, vi en urbeto,
En la malgranda vilaĝo,
Ĉu ne forflugis kiel bloveto
La tuta via kuraĝo?

Cu vi sukcese en via loko
Kondukas nian aferon,
Aŭ eksilentis jam via voko,
Vi lacaj perdis esperon?

Iras senhalte via laboro
Honeste ed esperante?
Brulas la flamo en via koro
Neniam malfortiĝante?

Forte ni staru, brave laboru,
Kuraĝe, ho nia rondo!
Nia afero kresku ed floru
Per ni en tuta la mondo!

Ni l'on kondukos ne ripozante
Ed nin lacigos nenio;
Ni l'on traportos, sankte ĵurante,
Tra-l' tuta mondo de Dio!

Malfacileco, malrapideco
Al ni la vojon ne baros.
Sen malhonora malkuraĝeco
Ni kion povos ni faros.

Staras ankor'e en la komenco
La celo en malproksimo, —
Ni l'on atingos per la potenco
De nia forta animo!

Ni l'on atingos per la potenco
De nia sankta fervoro,
Ni l'on atingos per pacienco
Ed per sentima laboro.

Glora la celo, sankta l'afero,
La venko — bald'e l'o venos;
Levos la kapon, ni kun fiero,
La mondo ĝoje nin benos.

Tiam atendas nin rekompenco
La plej majesta ed riĉa:
Nia laboro ed pacienco
La mondon faros feliĉa!

Dr. Ludvik Zamenhof.



4.

## Mia penso.

---

Sur la kampo, for de-l' mondo,
Anta' nokto de somero,
Amikino en la rondo
Kantas kanton pri-l' espero.
Ed pri vivo detruita
Ŝi rakontas kompatante, —
Mia vundo refrapita
Min doloras resangante.

«Ĉu vi dormas? Ho, sinjoro,
Kial tia senmoveco?
Ha, kredeble rememoro
El la kara infaneco?»
Kion diri? Ne ploranta
Povis esti parolado
Kun fraŭlino ripozanta
Post somera promenado!

Mia penso ed turmento,
Ed doloroj ed esperoj!
Kiom de mi en silento
Al vi iris jam oferoj!
Kion havis mi plej karan —
La junecon — mi ploranta
Metis mem sur la altaron
De la devo ordonanta!

Fajron sentas mi interne,
Vivi ank'e mi deziras, —
Io pelas min eterne,
Se mi al gajuloj iras . . .
Se ne plaĉas al la sorto
Mia peno ed laboro —
Venu tuj al mi la morto,
En espero — sen doloro!

Dr. Ludvik Zamenhof.

---

5.

## Ho mia kor'.

Ho, mia kor', ne batu maltrankvile,
El mia brusto nun ne saltu for!
Jam teni min ne povas mi facile,
Ho, mia kor'!

Ho, mia kor'! Post longa laborado
Ĉu mi ne venkos en decida hor'!
Sufiĉe! trankviliĝu de-l' batado,
Ho, mia kor'!

Dr. Ludvik Zamenhof.

---

## 6.

# La vojevodo.

(El Mickiewicz.)

---

En vespero somera vojevodo kolera
Al la hejma kastelo rapidas;
Al la lito edzina kun teruro senfina
Li alvenas, — neniun li vidas.

En doloro brulanta ed per mano tremanta
Sian grizan lipharon li prenis,
De la lito foriris, la manikojn retiris
Ed ektondris — kozako alvenis.

«Kial, best' abomena, mia pordo ĝardena
Restas nokte sen hundo, sen gardo?
Prenu tuj mian sakon ed pafilon kozakan
Ed silente min sekvu, bastardo!»

Kun pafil' en la mano al ĝardena altano
Ili amb'e sen bru' alŝteliĝas.
Sur la benka herbaĵo ia lumas blankaĵo:
En tolaĵo virino vidiĝas.

Unu manon levinte, la okulojn kovrinte,
Per la dua forpuŝi ŝi penis
Unu viron petantan, surgenue starantan,
Kiu nun en la brakoj ŝin tenis.

Ed en flama fervoro li parolis: «Ho, koro,
Ĉu jam ĉio por ĉiam perdita?
Eĉ la premoj de-l' mano per la mon' de-l' tirano
Ĉiuj estas jam foraĉetitaj?

Mi vin tiel amadis, por vi tiel bruladis, —
Malproksime nun plori mi devas;
Li ne amis, ne ploris, nur per mon' eksonoris, —
Ed li ĉion por ĉiam ricevas.

Sur la brusto anĝela lia kapo malbela
En dorloto de nun ripozados,
De la roza buŝeto, de la ruĝa vangeto,
Li ĉielan feliĉon suĉados.

Sur ĉevalo fidela, en vetero kruela,
Mi rapidas al mia anĝelo —
Por sopire foriri ed al vi nur deziri
Bonan nokton en lia kastelo . . .»

Ŝi silentas senmove; li komencas denove
Sian plendon kun petoj ed ploro,
Ĝis, la brakojn lasinte, la konscion perdinte,
Ŝi defalis al li al la koro.

En l'arbaĵo silente, aŭskultante atente,
Staras amb'e gardantoj kovritaj,
Ili staras genue, en la manoj senbrue
La pafiloj ektremis ŝarĝitaj.

«Estro»! diris kozako, «ia stranga atako
Al mi ligas subite la manon;
Brulan sentis mi larmon ed skuantan malvarmon
Kiam tuŝi mi volis la ĉanon.»

—« Pesto! mi vin jam skuos, mi vin plori instruos!
Jen saketo kun polvo: sen vorto
Vi preparos, vi pafos, ed se ŝin vi ne trafos,
Mi edzigos vin mem kun la morto.

«Supren, dekstren, senskue! Mi ekpafos, —
l'unue
De-l' amanto diskrevu la koro.»
La servanto ektiris, ed la kuglo eniris
En la frunton de . . . lia sinjoro.

Dr. Ludvik Zamenhof.



7.

## La rozeto.

(El Goethe.)

---

Knabo vidis — jen rozeto
Sur la kampo staras;
Bela, juna la floreto . . .
Vive kuras la knabeto,
Ĝojas, miras, flaras.
Sur la kampo la rozet'
Kiel infanet'.

Knabo diris: «mi eltiros
Belulinon mian»;
Floro diris: «vi foriros, —
Per pikiloj mi disŝiros
Tuj la manon vian».
Sur la kampo la rozet'
Kiel infanet'.

La sovaĝa knab' ridante
La rozeton prenis, —
La floreto batalante
Sin defendis pikadante,
Sed la sorto venis.
Sur la kampo la rozet'
Kiel infanet'. Dr. Ludvik Zamenhof.

8.

## En nord' unu pino...

(El Heine)

En nord' unu pino en solo
Dormetas sur nuda altaĵo;
Glacia ed neĝa tavolo
L'on kovras per tomba tolaĵo.

L'o songâs, ke palmo gracia,
En unu dezert' orienta,
Eterne pri lando alia
Malgaje sopiras silenta.

Dr. Ludvik Zamenhof.

## 9.

## En sonĝo...

(El Heine.)

En sonĝo princinon mi vidis
Kun vangoj malsekaj de ploro, —
Sub arbo, sub verda ni sidis
Tenante sin koro ĉe koro.

«De-l' patro de-l' via la krono
Por mi l'o ne estas havinda!
For, for lia sceptro ed trono —
Vin mem mi deziras, aminda!

— «Ne eble!» ŝi al mi rediras:
«En tombo mi estas tenata,
Mi nur en la nokto eliras
Al vi, mia sole amata!»

Dr. Ludvik Zamenhof.



## 10.

## Lorelej'.

(El Heine.)

Ne scias mi, kial subita
Malgaj' en la koro naskiĝis;
El tempo jam enterigita
Legendo al mi reviviĝis.

Jam malvarmetiĝas l'aero,
La Rejno mallaŭte babilas,
Per oro de-l' sun' en vespero
La supro de-l' monto rebrilas.

Plej belan knabinon mi vidas:
En ora ornamo brilante
Sur supro de-l' monto ŝi sidas,
La harojn mistere kombante.

La oran kombilon ŝi movas
Ed kantas tra-l' pura aero,
Ed forto mirinda sin trovas
En tiu-ĉi kant' de-l' vespero.

Sipet' iras sur la rivero,
Ŝipisto ektremis de-l' kanto,
Ed blinda por ĉiu danĝero
Rigardas li al la kantanto.

Ha, bald'e ŝipisto la bela
Perdiĝis sub l'akvoturnado;
L'on Lorelej' faris kruela,
Per sia mirinda kantado.

Dr. Ludvik Zamenhof.



## 11.

# Kanto de studentoj.

Ĝoju, ĝoju ni, kolegoj,
Dum ni junaj estas!
Post plezura estanteco,
Post malgaja maljuneco —
Sole tero restas.

Vivo estas tre mallonga,
Kuras ne tenate,
Ed subite morto venos
Ed rapide ĉiun prenos,
Ĉiun senkompate.

Kie niaj anta'uloj
En la mondo sidas?
Iru al la superuloj,
Serĉu ilin ĉe-l' subuloj —
Kiu ilin vidas?

Vivu la akademio
Ed la profesoroj!
Vivu longe ed en sano
Ĉiu akademiano,
Vivu sen doloroj!

Vivu, floru nia regno
Ed regnestro nia!
Ed amikoj mecenataj,
Protegantoj estimataj
De-l' akademio·

Vivu ĉiuj la knabinoj
Belaj ed hontemaj!
Vivu ank'e la virinoj,
Amikinoj ed mastrinoj,
Bonaj, laboremaj.

Mortu, mortu, malgajeco,
Mortu la doloro!
Mortu ĉiu intriganto
Ed malamon konservanto
Longe en la koro!

Dr. Ludvik Zamenhof.



## 12.
## Al la Reĝo.

Vivu la reĝ' al ni, tre longe vivu li!
Gardu lin Di' !
Justa ed pia reĝ', — Dio pro nia preĝ'
Estu kun li.

Forta la reĝa tron', ver' estas lia kron',
Glavo la leĝ'.
Kun amo en la kor', reĝas kun granda glor'. . .
Vivu la reĝ'!

Brulu, ho sankta flam' de la eterna am'
Pro la patruj'!
Ed forte staros ni, ĉiuj por unu li,
Pro la patruj'!

Longe, ho, restu vi gloro de la naci',
Sur reĝa seĝ'!
Via plej granda glor' en la popola kor'
Vivu la reĝ'! **Dr. Ludvik Zamenhof.**



## 13.

## Nokta kanto de soldato.

(De W. Hauff.)

En nigra nokto tute sole
Mi staras gardon senparole;
Eraras for la penso mia
Al mia domo familia.

Al la standardo fortirita
Ho kiom estis mi kisita . . .
Mi tiam pensis kun malĝojo:
Mi vidas Vin je-l' lasta fojo!

Ho dormu dolĉe karaj miaj!
Irante al la litoj Viaj
Vi nun per preĝo Dion gloras, —
Vi certe ank'e min memoras.

La horo venis, gard' alia
Stariĝos nun sur loko mia.
Mi iras dormi tute laca,
Mi vidos Vin en songô paca.

**Dr. Ludvik Zamenhof.**



## 14.

# Kanto de-l' ligo.

(De W. A. Mozart.)

---

Fratoj, manon donu kore
Ed senzorge, sendolore
Belan horon festu ni!
Ĉion teran forĵetante
Daŭru forte ed konstante
Nia bela harmoni'!

Al la Dio kantu gloron:
La spiriton ed la koron
Kial donis la ĉiel'?
Serĉi lumon per vereco,
Serĉi virton per justeco
Estu nia sankta cel'!

Homoj en la oriento,
Homoj en la okcidento,
En la sud' ed en la nord'!
Alte teni homan nomon,
Kore ami ĉiun homon
Estu nia liga vort'!

Dr. Ludvik Zamenhof.



## 15.

# La Kapelo.

(El L. Uhland.)

---

Supre staras sur la monto
La silenta kapeleto,
En la valo, ĉe la fonto,
Ĝoje kantas paŝtisteto.

Sonorado, mortkantado
Nun eksonis tra-l' silento, —
Haltis knabo en kantado
Ed aŭskultas kun atento.

En la tombojn de-l' monteto
En la valo ĉiu venos.
Ank'e vin, ho paŝtisteto,
Oni iam tien prenos.

Dr. Ludvik Zamenhof.



## 16.

# La gaja migranto.

---

Se donas Di' al vi favoron,
Li sendas vin for el la dom'
Por montri sian mirlaboron,
La bela mondon, al la hom'.

De-l' montoj riveretoj fluas,
Alaŭdoj kantas super mi,
Mi ank'e gajan kanton bruas
Al la tutmonda harmoni'.

Al Dio fidas mi kun ĝojo:
Li zorgas pri la tuta ter',
Li ank'e min sur mia vojo
Eterne gardos de danĝer'.

Dr. Ludvik Zamenhof.



## 17.

## La vojo.

(De barono B. N. Delvig.)

Tre ĉarme l'o lumis, la suno ravanta,
En mia de vivo mateno;
En brusto kuraĝo ed forto bolanta,
Espero ed kredo en pleno . . .

La kamp' estas larĝa ed rekta la vojo . . .
«Anta'en sen halto ed timo!»
La trio ĉevala ekkuris kun ĝojo
Al celo en la malproksimo.

«Pru! halt'!» «Kio estas?» Risorto rompiĝis.»
«Anta'en! malhelpo ne granda!»
Denove nun la veturil' ekruliĝis,
Saltante sur vojo rubanda.

Jen marĉo subite! Denove ni haltis . . .
Tagmezo jam . . . Kia ĉagreno!
La veturigist' kun murmuro desaltis,
Mi pelas kun laŭta malbeno.

Tri horojn ni tie sen helpo batalas,
Ĝis fine ni kun malfacilo
Elrampas. Subite — la suno jam falas —
Jen kavo ed nova barilo! . . .

«Returne! kredeble tro dekstren ni iras!»
Ni rampas . . . Jam nokt' . . . De-l' turmento
Ni celon forgesis, ni nun nur sopiras
Ripozon sub ia tegmento . . .

Halt'! Muro! ed mi al la pordo rapidas . . .
Nur tomboj . . . silenta malĝojo . . . .
La veturigist' al mi montras ed ridas:
«Ni venis! Finita la vojo!»

«La Tempo» sin nomas la veturigisto;
Sur voj' malfacila, facila,
Li ĉiujn alportas, fidela servisto,
Al fina ripizo trankvila.

Dr. Ludvik Zamenhof.



## 18.

## Mortulo.

Kial krias korvo avidulo?
Kial longe superflugas min?
Ĉu proksima tie-ĉi mortulo
Per odoro tiel vokas lin?

Ha, mi legas en signifo kria,
Vidas kaŭzon en avida trem . . .
Post la amo malfeliĉa mia
Estas presk'e mortulo mi mem.

Leo Belmont.

## 19.

## Nokt' en la koro.

(El Byron.)

Nokt' en la koro . . . la harpo kuŝas . . . .
Vi tuj ekkantu kantisto!
Se vi la kordojn de-l' harpo tuŝas,
Vi miron faras artisto.

Se kor' ankor'e havas esperon,
Per kanto lo revekiĝos;
Se la okulo kaŝis larmeron,
Denove lo eklarmiĝos.

Kant' via tondru mondan doloron!
La gajon mi ne komprenos . . .
Vi min plorigu, movu la koron,
Aŭ mia brust' ne eltenos.

Lo de suferoj longe manĝiĝis,
Silentan premis la ĉeno! . . .
La tempo venis . . . lo jam pleniĝis
Kjel vazo de la veneno.

Leo Belmont.



## 20.
## Al brusto, al mia . . .
(El Heine.)

Al brusto, al mia — ha, lo min doloras,
Almetu maneton, amata knabino!
Vi aŭdas, ke tie meblisto laboras?
Li por mi la ĉerkon konstruas sen fino!

Ha, kiel li frapas en mi en la koro!
La vivo forkuras, ne estas jam por mi . . .
Rapidu, rapidu kun via laboro,
Ke povu mi foj' je eterne ekdormi.

Leo Belmont.



## 21.
## La preĝo.
(El Lermontov.)

Se premas min doloro
En malfacila hor',
La preĝon mi en koro
Ripetas el memor'.

La forto estas ia
En vorta kunsonec',
Ed spiras en lo tia
Sankteco ed dolĉec'.

Senkred' jam ne doloras,
D'anim' ekfalas for . . .
Ed oni kredas, ploras,
Ed faciliĝas kor'.

Leo Belmont.



## 22.
## L'amo de-l' vivo.

De la naskiĝo ĝis la morto
La homon ĉie sur la voj'
De-l' vivo trovas larma sorto,
Pli da mizero ol da ĝoj';
Sed amas ĉiu vivon teran
Por ĝojoj tute senesperan.

Malriĉa pensas pri la pano;
Por li la vivo — nur sufer',
Lin akompanas nur malsano,
Laboro, larmoj, malesper';
Sed amas li la vivon teran,
Por ĝojoj tute senesperan.

Insultas unu tutan mondon;
La dua plendas je-l' edzin';
Malbenas tria sian rondon,
Kien la sorto ĵetis lin;
Sed amas ili vivon teran,
Por ĝojoj tute senesperan.

Tre ofte en la vivo estas,
Ke eksriĉuloj de diboĉ'
Sen peĉ' da pano fine restas, —
Sur vivon falas la riproĉ';
Sed amas ili vivon teran,
Por ĝojoj tute senesperan.

Instruituloj predikadas
Pri la dolĉaĵoj de-l' ĉiel',
Ke vivo nin nur kondukadas
Al morta, sed feliĉa cel';
Sed amas ili vivon teran,
Por ĝojoj tute senesperan.

Pro-l' aĝo ĝemas maljunulo:
Mortetis sentoj, dormas kor',
Finita estas la kalkulo
Kun vivo. Restas nur dolor';
Sed amas li la vivon teran,
Por ĝojoj tute senesperan.

Malkontenteco vivas ĉie
Inter la homoj de la mond';
Eterne tie-ĉi ed tie
Verŝadas sin la larma ond'.
Sed amas homoj vivon teran,
Por ĝojoj tute senesperan.

P. Sergij Bogoslavskij.

## 23.

## Printempo.

Printempo venas! Vivon donas
Al ĉio belulina veno:
Varmege suno jam proponas
Radiojn siajn, ed mateno
Vizaĝon belan kun rideto
Al ĉiuj montras; jam de-l' montoj
Kun bruo fluas rivereto
Ed detruataj estas pontoj.

Denove ĉio reviviĝas,
Kantadas venon de printempo . . .
Por mi nur daŭras, ne finiĝas
Malbona, malvarmega tempo!
Por mi ne estas suna lumo,
Ed de printempo bela veno
Nenion donas . . . Nur mallumo,
Mallumo sola ed . . , ĉagreno!

Vasilij Devjatnin.

## 24.
## Ŝipeto.

Malgranda ŝipeto
Kun blanka veleto
Naĝadas trankvile sur maro . . .
Sed venis ventego,
Fariĝis ondego —
Pereas ŝipet' sub akvaro!
Ed homo mizera
Kun kredo sincera
Vivadas trankvile en mondo;
Sed kredo forblovis,
Ondego sin movis,
Ed homo pereas sub ondo.

Vasilij Devjatnin.



## 25.
## Sciuro ed papago.

Sciuro malgranda kuradis en rado
Ed homojn amuzis per sia kurado.
Ed jen al papago lo diris fiere:
«Mi vin, mizerulo, bedaŭras sincere:
Kun kora doloro eterne mi vidas,
Ke tute senmove sur ringo vi sidas! . .
Rigardu: jen ĉiam mi kuras pli alte
Ed tial je vivo kontentas senhalte . . .»

Papago rigardis sciuron kun moko,
Ed diris: «kurado rapida ed lerta,
Sed bone kurante, sur unu nur loko
Vi restas mizera besteto nesperta.

Vasilij Devjatnin.



## 26.
## Maristoj.
(El Jazykov.)

Tre dezerta estas maro,
Tage, nokte bruas lo,
Ed profunde sub akvaro
Kuŝas morto nur, en lo.

Fratoj, estu vi sen timo:
Nin sub vent' starigis mi,
Flugos super mar' sen limo
Kiel bird' ŝipet' kun ni.

Kuŝas super mar' nubego,
Ondoj-nigraj, vento-fort':
Estos bald'e jam ventego,
Sed batalos ni kun sort'!

Fratoj! venas jam ventego,
Bruas tuta mara fort',
Estos alta pli ondego,
Ed al ni minacas mort'!

Tie, post malbon-vetero
Bona tero vokas nin,
Ed en tiu bona tero
Jam feliĉ' atendas nin.

Fratoj, mi rektigis velon,
Estu tute vi sen tim'
Bald'e ni atingos celon, —
Ŝparu forton en anim'.

Vasilij Devjatnin.



## 27.

## Anĝelo.

(El Lermontov.)

En mezo de nokto, en blua ĉielo,
Traflugis ed kantis plej bela anĝelo.
Ed nuboj ed steloj ed lun' en irado
Atentis kun ĝojo jel' sankta kantado.

Li kantis feliĉajn, neniam pekantajn
Spiritojn, kun Di' en ĉielo loĝantajn;
Li kantis pri Patro ĉiela ed tera —
Ed lia laŭdado ne estis malvera.

Animon tre junan en brakoj li tenis;
En mondo malgaja naskiĝi lo venis.
Ed sono de-l' kanto en juna animo
Restadis sen vort', sed kun viva estimo.

Tre longe en mondo lo estis premata,
Je revo mirinda pri Di' plenigata!
Ed ŝanĝi la kanton de-l' sankta sincero
Ne povis por lo ĉiuj kantoj de-l' tero.

Vasilij Devjatnin.



28.

## Husaro.

(El Puŝkin.)

Ĉevalon sian li purigis,
Estante forte kolerega,
Ed diris: «min diabl' devigis
En loko loĝi malbonega!

Ni ĉiam tie-ĉi restadas
En turka kvaz'e batalado:
Nur solan supon ni manĝadas
Ed eĉ ne pensas pri drinkado.

Ed mastro tie-ĉi malbona,
Malbonan havas li edzinon . . . .
Nek via skurĝ', nek vorto bona
Admonas tie-ĉi virinon!

Jen urbo Kiev! Lando kia,
En buŝon falas mem buletoj,
Ed vinon havas domo ĉia,
Ed kiaj tie virinetoj! . . .

Ne estas eĉ domaĝ', je Dio,
Sin mem pro ili pereigi!
Malbone estas nur per tio . . .»
— Per kio? volu min sciigi! —

Ed li komencis plibonigi
Lipharon. «Eble ne timulo,
Li diris, estas vi, sed igi
Vin miri povas mi — spertulo.

Aŭskultu: regimento nia
Ĉe Dnepro larĝa enlokiĝis.
Mastrino estis bona mia,
Ed tombon ŝia edz' foriĝis.

Kun ŝi mi bald'e amikiĝis;
Ni vivis pace, tute bone.
Al mi Maria humiliĝis,
Ne diris vorton eĉ malbone.

Se mi malsobra estis tute,
Ŝi mem min zorge kuŝigadis;
Ŝi ĉiam tute sendispute
Je ĉio tuj mem konsentadis.

Feliĉan vivon mi pasigis,
Ed longe tiel vivus, eble, —
Sed jen subite ĵaluzigis
Min io, — mem diabl' kredeble.

Mi pensis: kial baptanino
Sin levas nokte? kion volas?
Tre juna estas ŝi virino,
Ed tial eble ŝi petolas! . . .

Mi observadi ŝin intencis.
Jen foj' ne dormis mi (en korto,
Jam estis nokto, ed komencis
Bruegi vent' kun granda forto).

Ed vidas mi: ŝi forrampetis,
De forno prenis ŝi karbeton,
Min tre facile pripalpetis,
Disblovis apud forn' fajreton;

Ŝi ekbruligis kandeleton,
Kun lo angulon ŝi foriĝis,
De tie prenis boteleton,
Sur balailon ŝi sidiĝis;

Ŝi senvestiĝis, ed sorbinte
El boteleto, ŝi tra tubo,
Sur balailo sidiĝinte,
Tuj malaperis, kvaz'e nubo.

— Ŝi eble estas sorĉistino, —
Mi pensis, ed de forn' rapidas,
Por vidi sorĉon de virino;
Ed jen mi boteleton vidas,

Mi flaris: ia acidaĵo....
Mi plankon ŝprucis el botelo:
Forflugis — kia mirindaĵo! —
Ed forna forko ed sitelo!

Sub benko katon mi ekvidis,
Sur lon mi ŝprucis el botelo:
Lo ternis tuj ed ekrapidis
Subite fornon post sitelo.

Sur ĉion ŝprucis sen kompato
Jam mi per tuta forto mia, —
Ed ĉio: tablo, benko, pato
Forflugis unu post alia.

Al ili mi ne volis cedi
Ed trinkis mem per unu fojo
Restaĵon... Ĉu vi povas kredi?
Mi ekaperis tuj en vojo:

Mi flugas, — kien? mem ne scias,
Kun forto tranĉas nur aeron,
Al steloj mi: «pli dekstre» krias....
Ed jen ekfalis mi sur teron.

Jen mont'. Sur lo kaldronoj bolas,
Ed oni faras ian ludon.
Kantadas, fajfas ed petolas,
Kun granda ran' edzigas judon.

Mi kraĉis .... Flugas jen Maria:
«For! hejmen kuru petolulo!
Vin oni tuj formanĝos! ..» — Kio?!
Nu, mi ne estas timemulo!

Min ne timigu! Kie vojo
Al hejmo estas? — «Jen sidiĝu
Sur fornan feron, — kun malĝojo
Respondas ŝi, — ed tuj foriĝu!»

Vi volas, ke husar' sidiĝu
Sur fornan feron?! Baptanino,
Mi petas vin, ne freneziĝu,
Ne estu tut' malsaĝulino! ...

Ĉevalon! .. «Prenu, malsaĝulo!»
Ŝi efektive diris veron:
Jen anta' mi ĉeval'-bravulo
Per hufo forte batas teron.

Sidiĝas mi kun brava vido
Sur lon' ed trovi bridon penas,
Sed vane! Rajdas mi sen brido —
Ed tuj al forno ni alvenas.

Ed jen mi tion saman vidas ...
Ĉevalo tute jam forestis,
Ed mi sur benko rajde sidas ...
Jen kia strang'-okazo estis!»

Ed li daŭrigis plibonigi
Lipharon. «Eble ne timulo,
Li diris, estas vi, sed igi
Vin miri povas mi-spertulo.»

**Vasilij Devjatnin.**



## 29.

## Infano de Zorgo.

(El Herder.)

---

Finiĝis varmega jam tago,
Ed nokto agrabla fariĝis.
Sub ombra cipreso, ĉe lago
Diino de Zorgo sidiĝis.

El ruĝa argilo Diino
Malgaje figuron skulptadis, —
Ed luno, de nokto reĝino,
De blua ĉiel' rigardadis.

Ed Zeŭso al bela Diino
Parolis kun dia favoro:
«Rakontu, malgaja knabino,
Pri via doloro en koro?»

«Ho, Zeŭso!» Diino rediras:
«Alportu vi al mi plezuron!
Nur solan sen fin' mi deziras:
Vivigu vi mian figuron!»

— Volonte mi vin kontentigos:
Viviĝas figuro jam via!...
Sed tamen de nun mi devigos,
Ke estu eterne li mia. —

«Ho, ne!» al li Zorgo parolas:
Figuron mi longe skulptadis,
Al vi mi lin cedi ne volas,
Ĉar lin mi por si preparadis!

Por mi lin restigu! Korege,
Sed vane ŝi Zeŭson admonis.
— Ho ne! mi lin amas varmege,
Al li ĉar animon mi donis! —

«Por kio disputon vi tenas?»
Subit' al li Tero rediras:
«Al mi li sen dub' apartenas,
Ĉar tera en teron foriras!»

Ed dioj disputis senfine,
Ĉar cedi neniu deziris
Figuron argilan, — sed fine
Al Kron' ili ĉiuj ekiris.

«Ĉar un' al alia ne volas
Figuron vi tiun-ĉi cedi,»
Grizhara Saturn' ekparolas:
«Vi kune lin povas posedi.

Aŭskultu — do, dioj: nur kiam
Li mortos, anim' apartenos
Al Zeŭso potenca, — ed tiam
Jam Ter' lian korpon alprenos.

Ed vi, ho, de Zorgo Diino,
Posedu lin ĝis lia morto! ....»
Mi pensas, ke tia difino
Simila je hom' estas sorto?

Vasilij Devjatnin.



30.

## Espero.

(El Schiller.)

Tre multe homar' kun espero en koro
Pri vivo estonta parolas,
Ed ĉiam al celo feliĉa ed ora
Aliri plej balde lo volas.
Jen mondo ekvelkas, jen ree disfloras, —
Sed homo esperon senĉese adoras.

Espero kun li sen-aparte vivadas;
Lo knabon dorlotas, junulon
Per sorĉa radio lo gaje logadas,
Konsolas ĉe tomb' maljunulon:
Li tre lacigita per vojo de tero,
Foriras en tombon kun dolĉa espero.

Ho, ne! lo ne estas elpenso malvera
Per revoj malsaĝaj naskita!
Ni scias, ni sentas kun kredo sincera,
Ke estos esper' plenumita.
Ed tiu-ĉi sento ĉu estas kapabla
Nin trompi en nia revaĵo agrabla?

Vasilij Devjatnin.



## 31.
## Garantio.
(El Schiller.)

Damon' unu fojon mallaŭte trairis
Kun akra tranĉilo sub bask' al tirano —
Al Dionizio, — sed unu gardano
Lin kaptis subite. Tiran' al li diris:
«Pro kio vi al mi, fripono, aliris?»
— Mi sanktan promeson ekvolis plenumi . . . —
«Krimulo! mi tuj vin ordonos krucumi!»

— Jam longe al morto mi estas pretita,
Ed, kredu, ne diros mi eĉ unu vorton
Pro mia pardono, ĉar havas mi forton,
Por morti sur kruco; sed se inklinita
Vi estas al bono, — ho, estu donita
Al mi kelka tempo, por fraton edzigi, —
Ĉe vi-do, mi povas amikon restigi. —

Kruele ekbrulis tirana rigardo,
Ed diris li post la silento momenta:
«Tre bone, kun tio mi estas konsenta;
Sed tamen memoru vi tion, bastardo,
Ke vian amikon mi tenos sub gardo
Ne pli, ol tri tagoj, — ed poste li mortos,
Al vi li per tio pardonon alportos.»

Al sia amiko Damono alvenis
Ed diras: «tiran' min aljuĝis krucumi,
Ĉar volis mi sanktan promeson plenumi . . .
Ed mi nur tri tagojn ricevi elpenis
Por fraton edzigi . . .» ed li ĉirka'prenis
Amikon ed petas: ho, restu, karulo,
Vi por garantio ĉe malbonegulo!»

Amiko volonte konsentis ed restis
En malliberejo li por garantio,
Ed tuj liberigis Damonon per tio . . .
Damono edziĝon de frato forfestis,
En tria mateno tre frue sin vestis
Ed vojon rapidas, malfrui timante
Ed ĉiam pri sia amiko pensante . . .

Subite tre forta ventego fariĝis,
Ed tondro, ed fulmo ed granda pluvego;
Pli forte, pli brue koleras ventego, —
Ed jen riveretoj de mont' ekruliĝis,

Riveron plenigis, ed lo ekondiĝis . . .
Damono al ponto rapidas de monto,
Ed vidas, ke estas rompita jam ponto.

Li vagas sub pluvo sur bord' de rivero,
Ed tre malproksime li vidas dometon;
Li krias, li vokas, li petas ŝipeton:
Tut' vane, — neniu ĉar kun malespero
Ekvolis batali kun brua rivero . . .
Ed bald'e rivero jam aliformiĝis:
Lo tute je maro simila fariĝis.

Ed jen lian koron plenigis doloro,
Li ploras, anta'en li manojn etendas,
Ed preĝon varmegan al Zeŭso li sendas:
«Kompatu!» li petas kun granda fervoro —
Ed min ekrigardu kun dia favoro!
Se al Sirakuzoj vi min ne alportos,
Ho! . . mia amiko senkulpe ja mortos!»

Sed vane kompaton de Zeŭso li petas:
Ventego ed ondoj ed pluv' ne ĉesiĝas,
Sed ĉiam pli fortaj, teruraj fariĝas, —
Ed tempo forpasas . . . Damono formetas
De si sian veston, kuraĝe sin ĵetas
En bruan riveron ed naĝas, tranĉante
Per brusto nur ondon, kun mort' batalante.

Ed jen li sur bordo jen estas, — elŝiris
Sin tute el brakoj teruraj de morto,
Ed multe dankem' al favoro de sorto,
Rapidas li plu . . . Sed subite eliris
El granda arbaro rabistoj. Aliris
Al ili Damono, — ed ili malpace
Ĉirka'is lin tute, rigardas minace.

«Ho, kion vi volas, krimuloj?! li diris:
Ankor'e ne scias, friponoj, vi tion,
Ke mi, nur krom vivo, jam havas nenion!
Sed vivo — ne mia!» Ed tuj li aliris
Al ili, bastonon de unu elŝiris,
Per lo li eksvingis, ed tri li mortigis,
Aliajn-do ĉiujn facile forigis.

Sed suno post pluvo varmege bruligis
Migranton, ed tute li perdis jam forton;
Kun granda teruro atendis li morton, —
Ed preĝis li Zeŭson: vi min liberigis
El ondoj bruegaj, de mi vi forigis
Rabistojn, — ĉu tie-ĉi devas suferi
Mi vane, ed morti, amikon oferi?! . . . .»

Ed — kio do? — kvaz'e subit' murmuretas
Ne tre malproksime malgranda rivero!
Rapide sin turnas al lo kun espero
Damono — ed vidas, ke fonto fluetas.

Al lo superforte li tuj alvagetas,
Soifon brulegan kun ĝoj' kvietigas
Ed korpon malsanan en lo li freŝigas.

Jam suno varmega majeste subiras
Ed ombroj tre longaj kuŝiĝas sur tero:
Tre bald'e jam venos trankvila vespero.
Sur vojo al urb' du migrantoj jen iras,
Damono-do ilin en voj' preteriras.
Migrantoj parolas, Damono aŭskultas,
Ed aŭdas: «lin oni jam nun ekzekutas!»

Tumulto piedojn al li flugiligas,
En lia animo — senfinaj teruroj ....
Ed jen Sirakuzoj! Nur suprojn de turoj
Malalta jam suno facile origas:
Jam estas vespero! .. Ed li rapidigas
Ankor'e pli paŝojn, — ed vidas — en strato
Renkontas lin lia servant' Filostrato.

— Revenu, ĉar ĉio jam estas finita! —
Li diris malgaje: en urbon ne iru,
Mi petas vin, el Sirakuzoj foriru!
Li estas jam al ekzekuto metita.
Li kredis sen fin', ke li estos trompita
Neniam de sia amik', ed nenio
Lin povis devigi ne kredi je tio. —

«Ho, se jam malfrui al mi estas sorto,
Ed se mi ne povas de mort' liberigi

Amikon, — mi devas min ank'e mortigi:
Tirano ne diru, ke kuris de morto
Mi nur dank' al mia anima malforto!
Al vi mian vivon volonte mi cedas,
Sed sciu, ke homoj ed amas ed kredas!»

Vespere Damon' Sirakuzojn eniras
Ed vidas, ke kruco sur placo jam staras,
Ed oni jam tute amikon preparas,
Por lin ekzekuti . . . Kun forto traŝiras
Amason popolan Damono ed diras:
«Mi morton deziris de Dionizio, —
Mi estas krimulo, li — nur garantio!

En granda mirego popol' silentiĝis . . . .
En ĝojo amikoj sin tuj ĉirka'prenas
Ed ploras, — pri kio — neniu komprenas,
Sed larmoj el ĉiuj okuloj ruliĝis . . . .
Minaca tirano pri ĉio sciiĝis;
Li je amikeco ilia tre miras
Ed verajn amikojn li vidi deziras.

Ed jen ili venas. Kun vido afabla
Tirano renkontas amikojn ed diras:
«Vi venkis min tute, je vi mi tre miras!
Mi estas ankor'e por amo kapabla,
Ed se mi ne estas al vi malagrabla,
Permesu al mi, ke en ligo mi via,
Amikoj varmegaj, por vi estu tria! . . .

Vasilij Devjatnin.

## 32.

# Al laboristo.

(El Voss.)

---

Ho, frato! dum vi laboradi
Ankor'e povas sen ripozo,
Ne volu manon eltiradi
Al bonaj homoj pro almozo.

Sed kiam de kruela sorto,
Ho, mia mizerega frato,
Foriĝos tuta via forto —
Vi sin mortigu per malsato!

Vasilij Devjatnin.



## 33.

# Ĉu mi vivis?

(El Nadson.)

---

Ĉu vivis mi? Jen la respondo:
Mi dormis . . . ĉiuj ank' dormadis . . .
Ĉar kion faris ni por mondo,
Kian ideon ni celadis?

«Anta'en»?! vana trompa vorto!
Ni iru la pasintajn aĝojn!
Tie de-l' duboj sorĉa forto
Ne turmentadis homajn saĝojn.

Tie predikon Petro diris
Pri Krista tombo, Dia amo;
Tie Tell' en batalon iris,
Tie sin ludis Hus'a dramo ....

Tie ne estis sentaŭgulaj
Malĝojoj, sed brulis flameco,
Ed mem el faroj malbonulaj
Tie elbrilas majesteco.

Sed ni? Ho kiel nesimila
Al fera antikveco tia,
Nun estas formikejo nia:
Pigmea, besta, senutila.

P. Aleksander Dombrowski.



34.

## Amiko, frato mia...

(El Nadson'.)

Amiko, frato mia, laca, doloranta, —
Fortigu la animon per sankta espero!
Ne rigardu, ke nune malbono reganta
Estas sur la lavita de la larmoj tero!

Ne rigardu, ke oni rompas idealon,
Ke la sango fluadas senkulpa tioma!
Kredu, estonta tempo detruos Baalon,
Ed ree venos amo al la gento homa.

Ho, jam ne pezan krucon, ne ĉenojn portanta,
Ne kun koro vundita de fero lo venos;
Sed montros sin per forto ed gloro brilanta,
Ed torĉon de-l' feliĉo en la mano tenos.

Ed ne estos sur tero plu malamikemoj,
Nek da malliberuloj malfeliĉaj miloj;
Nek la tomboj senkrucaj, malsatulaj ĝemoj,
Nek glavoj, nek la ŝnuroj, nek la pendigiloj.

Ed tiu-ĉi alveno, kredu, kara frato,
Ne estas anta'sento aŭ revo vanega;
Ĉar mondo de-l' malbono estas tro premata,
Ĉar nokto ĉirka'igis nin tro mallumega.

Jes, fine la homaro, je-l' turmentoj sata,
Ĉesos trinki la sangon, forĵetos batalojn,
Ed levos la okulojn je-l' Amo benata
Ed komencos soifi sanktajn idealojn.

Ed la popoloj diros unu al alia:
Ni estu la amikaj eroj de-l' homaro,
Ed la frateca himno de la preĝo nia
Eksonuru en unu jam ĉiupiaro!

P. Aleksander Dombrowski.



35.

## Mia mizero.

(Litva popola kanto.)

Mia mizero, mia mizero!
Ĉu mi vin finos iam suferi?
Kiam mi iris je-l' granda vojo,
Mia mizero min akompanis.
Sed jen alrajdas cento da fratoj,
Kvar cent piedoj estas ĉevalaj.
Fratoj! Vi batu mian mizeron
Per la piedoj de la ĉevaloj,
Ed per brilantaj viaj glavetoj.
La junaj fratoj longe lon batis,
Sed la mizero nenion timas,
Mia mizero nenion timas,
Kreskas, vastiĝas ed pligrandiĝas.
Mia mizero nenion timas,
Elmetas verdajn foliojn, branĉojn.
Mia mizero tiam finiĝos,
Kiam mi venos al la patrino.
Mia patrino loĝas monteton,
Altan monteton, novan ĉerketon.

P. Aleksander Dombrowski.



## 36.

# La malliberulo.

(Litva popola kanto.)

---

Ho en la verda, verda arbaro
Estas malluma malliberejo.
Ed en tiu-ĉi malliberejo
Oni enŝlosis junan frateton.
Tie li povas neniam scii
Ĉu venis vintro aŭ la printempo,
Neniam vidi la brilan sunon
Nek leviĝantan, nek subirantan.
Mi metus oran ringon je-l' muro,
Eble mi farus tie fenestron,
Eble mi farus tie fenestron,
Por ke la frato ekvidu sunon.
Mi metus pecon da blanka neĝo,
Por ke li sciu la frostan vintron;
Mi metus freŝajn florojn je-l' muro
Por lin sciigi pri la somero.

P. Aleksander Dombrowski.

## 37.

# La turo babilona.

---

Kial vi, patroj, en Babilono
Konstrui turon komencis,
Ed tre fiere ank'e je-l' trono
Ĉiela regi intencis?

Ĉu jam senfina, vasta, la tero
Al Vi ne estis sufiĉe?
Vi ja trankvile ed sen danĝero
Ĉirka'e vivis feliĉe.

Kien sin turnis Viaj okuloj,
Havante lingvon komunan,
Trovis loĝejon Vi, anta'uloj,
Bonegan ed oportunan!

Jen al Vi plaĉis monto, jen valo,
Trankvila en Sinorujo, —
Ĉie potenco Via egala
Ed ĉie Via patrujo.

Kial deziris Vi do subite
De-l' val' suriri ĉielon?
Vi per argilo, brikoj malsprite
Atingi pensis la celon?

Sed entrepreno Via, ho, vana,
Senfrukta restis je-l' fino;
Tuj l'on detruis Dia la mano,
Kondukis Vin al ruino.

Dum la konstruon Vi diligente
Plialten levi rapidis,
Jen Vian lingvon Dio momente
Je lingvoj mil disdividis!

Nun jam pri kio unu parolas,
  Komprenas dua nenion,
Ed ne sciante, kion li volas,
  Al li venigas alion:

Unu por l'alta granda konstruo
  Necese brikon bezonas, —
Ne komprenante lin, jen la dua
  Argilon tuj al li donas.

Tuj malkonsento, poste batalo
  Fariĝis inter la rondo;
Tuta l'homaro iris de-l' valo
  Diversajn landojn de-l' mondo.

Kvank'e jam pasis miloj da jaroj
  De tiu puno de Dio,
Regas ankor'e inter homaroj
  Malamo, senharmonio.

Vere la patroj kontra' la Dio
  Multege tiam fieris;
Kial ĝis nun por peko ilia
  Senkulpaj idoj suferis?

Sed ni esperas bald'an refondon
  De-l' lingvo ĉiunacia,
Kiel konsolis tutan la mondon
  Jam la profet' Zefania.

Ĝoje l'espero nin jam karesas,
Proksiman celon montrante;
L'internacia lingvo progesas
Amikojn ĉie trovante.

Novajn amikojn voku, amikoj,
La voko vana ne estos!
Floras jam flor', ne sole radikoj,
Je-l' frukto bald'e ni festos.

Mozes Goldberg.



## 38.

## Nova dio.

(De S. Frug.)

I.

Jam plena estas la festeno
De bril', sonoro, bru', soleno
En la palac' de faraono;
En vic' pentrinda anta' vastaj
Trapezaj tabloj sidas gastoj
Konvene, en mez de salono.

De-l' tron' antikva la apogoj —
La saĝeguloj, astrologoj,
En silk' brodita envestitaj —
La militestroj, generaloj
Armitaj kun hakiloj ŝtalaj,
Per ringoj oraj ornamitaj.

Sin de kolono ĝis kolono
Etendas kiel tend' visono
Tre multekosta, multkolora;
Ed de fumilo origita
Ĉirka'e estas disverŝita
La timiano bonodora.

Al flut', liutoj, barbitonoj
Per rapidegaj belegsonoj
Bruega la tintil' ripetas;
Ed peza la amfor' konsolas
Rigardon, koron vekas, bolas
Ed muĝas, ed fajrerojn ĵetas.

Atentas faraon' sonoron
De-l' himnoj ed gracian ĥoron.
Senlima l'ordonanto estas
Je la rigardo luma, klara;
Lo estas fest' neordinara:
Nomtagon sian li nun festas.

De subpotencaj al li princoj
Donacojn oni el provincoj
Al li alportas multekostajn —
Smeraldojn, perlojn ed armaĵojn,
Tapiŝojn, vazojn ed teksaĵojn,
Arĝenton, elfantajn ostojn.

La gastoj riĉajn la donacojn,
Envenigitajn la palacojn,
Rigardas kun mireg' ed ravo . . .
Tuj, defleksinte pordkovrilon,
Tremante, en salonon brilan
Eniris brunvizaĝa sklavo:

«Aŭskultu reĝ', — la sklavo diris —
Mirindaj viroj du aliris
Al la pordegoj de la korto . . .
Traflugis preter la gardantoj
De la kortego, maldormantaj,
Tuj nevidate ed sen vorto.

Vidante l'mirajn du personojn
Surflugis du ibis' . . . Leonojn
De-l' ĉen' mi lasis — sen kuraĝo,
Per la kolharoj balainte
La polvon, kapon mallevinte,
La reĝoj super best' sovaĝa

Timeme iris, proksimiĝis
Al ili paŝ' post paŝ', stariĝis
De-l' flankoj sur la piedegoj;
Netera kvaz'e ar' gardanta
Al ili vojon malkovranta
Al reĝaj tiuj-ĉi pordegoj

Sonor', paroloj eksilentas,
La gastoj virojn du atendas . . .
«Sed, — krias laŭte l'ordonanto, —
De kie venas tiuj viroj?
Ĉu portas ili krom' la miroj
Donacon indan por reganto?»

— Reganto granda, — l'sklavo diras, —
Per forto de la dioj spiras
Iliaj la vizaĝoj brilaj . . .
Gardantoj estas enbrakataj
Per tim' . . . Jen!» en salonon fratoj
Eniris du de Amram filoj.

La gastoj vidas anta'-l' trono
Jen staras Mozes, Aarono
Sur la tapiŝ' purpura, riĉa —
En simplaj ed malriĉaj vestoj;
Severaj je-l' elvid', majestaj
Kun bastoneg' en man' malriĉa.

II.

Reĝ' rigardante tre severe
Je-l' nevokitaj gastoj, fjere
Demandis: «Kiu vi? je-l' festo
Nomtaga, reĝa, l'ordonita,
Kial do venis vi vestitaj
En tia malriĉega vesto?

Al vi malbona fort', magio
Malfermis pordon . . . Sed do kio!
Mi kun kontent' en la palacon
Akceptas ĉiam gastojn tiajn;
Se indos sorĉ' atenton nian,
Ricevos riĉan vi donacon.

La kapon alten eklevinte,
Al Di' humile kliniĝinte,
Al reĝ' respondis Aarono:
Sorĉistoj estas ni neniaj,
Kun fort' malluma, kun magia . . .
Aŭskultu vi do, faraono!

Ni ne el reĝa familio:
Ni estas filoj de nacio,
Per kies manoj humilegaj
Fariĝis luksaj viaj landoj,
En vic' majesta l'turoj grandaj
Ed fortikaĵoj ed kortegoj.

Per kies diligent' ed peno
Ekfloris tiu kamp', ĝardeno,
Nun de dolĉaĵo plenigita . . .
Sed jam sufiĉe lo suferas!
Centjara la labor' esperas
Jam esti tuj rekompencita!

La Di' de-l' dioj ed Reganto,
La sola Di', ne ŝanĝiĝanta,
Alsendis nin al via trono.
Lia Spirit' en ni sin trovas:
Lo niajn lipojn, buŝon movas . . .
Atentu tjal Lin faraono:

«Jehov'...» — «Jehov? mi lin ne scias,» —
Al Aarono laŭte krias
Fiera faraon' kun rido: —
Al mi di' de Moav', Edomo —
Konataj estas, ed la nomo . . .
Jehovo — kiu estas li do?

El malproksima lando, limo
Popoloj ĉiuj por estimo,
Elsendis ja al mi senditojn,
Saĝulojn ed arĥitektistojn,
Ed astrologojn ed maristojn,
Ed pastrojn ed sankt-oleitojn.

Kun laŭda kant' palacon mian,
Kiel preĝejon sanktan, dian,
Eniris ĉiu humilege,
Al faraon' donacon sian,
Kiel oferon bruston dian,
Sur sojl' kuŝigis respektege.

Kiel malriĉa devas esti
Di' via nova, se, krom vesti
Vin pastrovestojn disŝiritajn,
Ne povis li de malpotenco
Jam per alia rekompenco
Vin rekompenci elektitajn.

La di' de-l' sklavoj malfeliĉaj,
Ŝtonistoj tiuj-ĉi malriĉaj,
La sovaĝuloj ed sen scioj,
De la nudaĵ', mallumo blinda,
Ho, kiu estas di' ridinda,
La reĝ' de-l' reĝoj, di' de-l' dioj?

Kjel de enfal' en mont' tondrego,
Ektondris anta' tabl' ridego;
Ed la komuna rida krio
Ruliĝis eĥe, laŭte bruis
De malproksim', palacon skuis:
Kiu li estas nova dio?

Kiu li estas? . . . Tagoj venis, —
Ed tuj ekkonis, ekkomprenis
La Dion Novan Egiptanoj;
Sed per turmentoj, malagrabloj
De-l' dezertej' en brulaj sabloj,
En profundaĵ' de-l' oceano.

Jam pri la Granda Dio Nova,
Regant' de-l' mondo, Ĉiopova,
De-l' Nil' la sojloj, kantis, bruis;
Ed kun tondrego ed ventegoj
Inter granitaj la ŝtonegoj
De-l' maro ond' kantante fluis . . .

Ed ripetante al la kanto
Je-l' mar' senfunda ed bruanta
Kun sankta mirsciig' konsola
Per triumfega kri: «Libero!»
Eksonis laŭte sur la tero
Renaskiĝanta la popolo . . .

Mozes Goldberg.



## 39.

## La Nimfo.

(El Puŝkin.)

---

Jam apud laget' en senvivaj arbaroj
Monaĥo pasigis multegon da jaroj.
Malgaje la vivo al li forkuradis:
Li ĉiam fastadis ed ĉiam preĝadis.
Jam tombon preparis al si per fosilo
Monaĥ' la maljuna en pia humilo.
Pri morto trankvila, al Dio plaĉanta,
Konsistis nun lia petego konstanta.

Jen foj' en somera vesper' harmonia
Preĝadis al Dio monaĥo la pia;
L'arbaro senviva pli nigra fariĝis
Ed super la lago nebulo fumiĝis;
En nuboj jam sur la arkaĵo ĉiela
Mallaŭte ruladis sin luno la bela,
Ed sur la supraĵon de-l' lag' en kvieto
Rigardas maljuna la anaĥoreto.

Li vidas — subite terur' al li venas,
Li de konfuziĝo sin mem ne komprenas...
Li vidas — la akvo de-l' lag' ekondiĝas
Ed bald'e denove lo rekvietiĝas.
Ed kiel ombreto de nokto facila
Tre blanka, al neĝo de-l' monto simila.
Jen nuda virino el laga la pordo
Eliras, sidiĝas sen vort' sur la bordo.

Ŝi la maljunulon rigardas senpekan,
Ed kombas al si la haraĵon malsekan.
La sankta monaĥo ektremis entime,
Vidinte l'belecon virinan proksime.
Knabin' la mirinda per man' lin logadas,
La kapon ridete al li balancadas . . .
Ed kiel falanta brilega steleto,
Ŝi ekmalaperis en ond' de lageto.

L'ermito malgaja en nokt' ne dormetis
Ed tutan la tagon li Dion ne petis.

Per penso eraras li al la lageto . . .
Jen anta' li l'ombro de la virineto . . .
Denove l'arbaro tuj remallumiĝas
Ed super la nuboj la luno ruliĝas . . .
Ed super la akvo li ree ekvidas
L'amindan knabinon, tre pala ŝi sidas...

Li vidas, al li ŝi la kapon balancas,
Ed de malproksime ŝi kisas ed dancas,
Ed plaŭdas la akvon per ĉarma la mano,
Ed ploras ed ridas ŝi, kiel infano,
Alvokas l'ermiton al sia lageto:
«Al mi, ho rapidu, Vi, anaĥoreto!» —
En ond' travidebla ŝi bald'e kaŝiĝis,
Ed tuj trankvileco profunda fariĝis.

Sur bordo de-l' lago en tago la tria
Jen sidas monaĥo, malgaja, pasia,
Al sia plej kara rigardojn li sendas,
Dum super l'arbaro sin ombro etendas...
Forpelis mallumon radio la suna —
Nenie sin trovas l'ermito maljuna . . .
Popolo rakontas, ke lia grizaĵo
Nun estas vidata en la profundaĵo.

Mozes Goldberg.



## 40.

# La festeno.

(El Puŝkin.)

Amas mi ĝojon de nokta festeno,
Kie la vorto «Trink'» ĝis la mateno
Supersonegas la krion de-l' kanto;
Kie idolo ed leĝodonanto
Anta' la tablo, de mi libereco,
Ed prezidanto, nur mia gajeco.
Kie tre vasta la rondo de-l' gastoj,
Ed de-l' boteloj rondetoj-malvastaj!

Mozes Goldberg.



## 41.

# Stancoj.

(El Puŝkin.)

Multhoman preĝejon se iam mi venas,
Aŭ inter junuloj sensencaj troviĝas,
Aŭ mi sur la strato bruanta promenas,
Al miaj revadoj mi aldonatiĝas.

Rapide forkuras la jaroj — mi diras:
El ni je eterne neniu ja restas;
L'arkaĵojn eternajn do ĉiu subiras
Ed ies la horo proksima jam estas.

Se kverkojn ekvidas mi en la arbaroj,
Ekpensas mi: jen Vi transvivos, granduloj,
Ank' aĝon la mian, patrjarĥoj centjaraj,
Tjel, kiel la aĝon de la anta'uloj.

Se mi infaneton amindan karesas,
Mi pensas jam: lasta hor' mia eksonos,
Adi', infaneto! bald' vivi mi ĉesos,
Por ke vi ekfloru, mi l'lokon fordonos.

Mi l'tempon pasigas enpense konstante,
La horon de mia finiĝo ed morto
El lo efektive diveni penante
Al mi difinitan anta'e de-l' sorto.

Ho kie, ĉu ie en ond' aŭ batalo,
Aŭ voja migrado la mort' al mi venos;
Aŭ eble subite najbara la valo
Jam malvarmiĝintan la polvon forprenos?

Ho, kvankam al korpo kaduka, malinda
Egale, mortinte jam, ĉie putriĝi,
Sed tamen proksime al limo aminda
Pli bone mi volus post mort' trankviliĝi.

Ludadu do vivo la juna, momenta,
Jen apud la tomba eniro trankvile,
Ed lumu naturo la indeferenta
Per belo eterna konstante ed brile!

Mozes Goldberg.



## 42.

# Ondoj ed homoj.

(El Lermontov.)

En mar' kun surda plaŭdo ed kun bruo
Sin rulas unu post la dua ond';
Foriras, pasas unu post la dua
Da homoj ank'e sensignifa rond'...

Al ond' malvarmo, libereco sia,
Pli kara estas, ol de-l' sun' radi';
Animon havi volas hom'... sed kio?
Malvarma pli ol ond' — anim' ĉe li.

Mozes Goldberg.

## 43.

# Esperanto ed Danubo.

Migrante mondon l' «Esperanta»
Danubon estis renkontanta;
Lo vidas apud Fer-Pordego
Urbeto plena da bruego
Jen sur la bordo de-l' rivero!

Sub kondukad' de inĝenjero
Armeo tuta da Italoj, —
Por fosi multon da kanaloj, —
Atakas fundon per fosiloj,
Ed truojn boras per boriloj.

Hakiloj grandaj batas, hakas;
La dinamito pafas, krakas;
Per levmaŝin' la derompita
Ŝtonaĵ' tuj estas forigita.

Jen longa vico da vagonoj,
Ŝarĝinte plene sin per ŝtonoj,
Fortrenas lojn al lok' de digo,
Necesaj por la reguligo
De la river' en granda kvanto.
— «Ho, kjal-do, — diris Esperanto —
Feliĉo tiel vin karesas,
Ke tre mirinde vi sukcesas?
Ni 'stas ja amb' internaciaj,
Ed ank' la samaj celoj niaj,
Tre bonintencaj ed bonfaraj:
Komunikiĝo de-l' homaroj.
Kjal-do, ho kara kunfratino,
Tjam la kongreso de Berlino
Al vi favore pli sin tenis?
Vin reguligi interprenis,
Por interligi l'orientan
Eŭropon ed la okcidentan,
Pro-l' oportuno de-l' homaroj. —

Jam pasis daŭro da miljaroj
Ke anta' solv' de ĉi-problemo
La plej kuraĝaj el timemo
La manojn tute lasis fali.



5*

Ĉu povas vi je mi egali?
Por mia plenefektivigo
Necesa estas ja nek digo,
Ed nek kanalo, nek borilo;
Per laboreto tre facila
Utiloj estus pli, pli grandaj,
Ne sole nur al kelkaj landoj,
Sed ank'e al la tuta mondo!»

— «Jes» — estis nun al lo respondo —
«Vi efektive estas prava;
Ke estas via cel' pli grava,
Tjon certe nenju malkonfesas;
Vi tamen Esperant' forgesas,
Ke dum kongres' efektiviĝis
Vi tjam ankor'e ne naskiĝis.
Maljuste plendas vi je-l' sorto:
Se la kongreso, pro alporto
De bon' al unu part de-l' tero
Tjam la plenumon de afero
Plej malfacila entreprenis,
Ed preske jam al celo venis,
Tjom pli, por, sen malfacilaĵoj,
Alporti multon da bonaĵoj
Al tuta tera glob' ĉirka'e,
Ekstaros nenju jam kontra'e;
Sed progresigi ĉjuj nur penos
Ĝis vi feliĉe l'celon venos.

**Mozes Goldberg.**



## 44.

# Cigno, ezoko ed kankro.

(El Krylov'.)

---

Se inter kolegoj jam en la komenco
En ia afero malestas konsento,
Senfrukta restados ilia intenco,
En lok' de afero nur estos turmento.

Okazis, ke kankro kun cigno, ezoko,
Por ŝarĝon transporti de loko al loko,
Triope al veturigil' enjungiĝis
Ed tre diligente de-l' loko tiriĝis.
Sed malgr'e ilia grandega fervoro
Nenion alportis ilia laboro.

Ekstreme facile lo estus por trio,
Se ili laborus nur en harmonio;
Sed al la ĉielo la cigno sin tiras,
La kankro obstine returne foriras,
L'ezoko al akvo la ŝarĝon kunŝiras.

Nun kiun pravigi ed kiun kulpigi,
Mi certe ed tute ne povus klarigi, —
Sed la veturilo eĉ paŝon ne faris,
Ankor'e lo staras nun, kie lo staris.

Mozes Goldberg.



## 45.

## Guto de pluvo.

(El Krylov.)

---

Guto de pluvo enfalis foje
En grandan profundan maron.
Ho! lo forte ekriis malĝoje
Vidante la vastan akvaron.
«Tien-ĉi venu granda rivero,
Sed kion signifos unu akvero?»

Sed jen rigardu, — konko alvenis,
Per unu gluto la guton enprenis,
Ed bald'e nia gut' aliiĝis
Ed kosta perlo el lo fariĝis.

Jes amikoj, la guton memoru,
Laŭ siaj fortoj ĉiu laboru:
Ofte la plej modesta guto
Fariĝas perlo per unu gluto.

**Mozes Goldberg.**

---

## 46.

## Dukato.

(El Krylov).

---

Objekton bonan se Vi penas
Tro plibonigi en nesci',
Vi ofte al kontra'o venas
Pli malboniĝas nur al Vi.

Okazojn tiajn kun kompato
Ni vidas multe en la mond';
Ed por ekzemplo pri dukato
Belega 'stas jen la rakont':

Foj' vilaĝano el simpluloj
Dukaton trovis sur la ter'.
De polvo estis en makuloj
Malpurigita la moner'.

Da kvinkopekoj por dukato
Plenmanon donis hom' al li.
«Atendu» pensas li: «vi frato,
Duoble donos jam al mi!»

Amason tutan kolektinte
Da sablo, kret', ed kun fervor'
Eĉ kelkajn brikojn dispistinte,
Li tuj alpaŝis al labor'.

Sur brik' dukaton li frotadis
Per sablo, kret'; per unu vort',
Ke lo ekbrilu, purigadis
Senĉese lon, per tuta fort'.

Jes, kiel fajra jam fariĝis
Nun la dukat' en lia man';
Sed loa pezo malgrandiĝis
Sub la frotad' de-l' vilaĝan'.

Ĉu efektiva estintaĵo
Aŭ fablo estas la rakont', —
Sed povas kiel instruaĵo
Lo servi nun al nia rond'.

Volante fari plibonigon,
Kiel ajn bela ŝajnas ĝi,
Ni vidu, eble pereigon
Ni kaŭzos ed malgajos pli!

Mozes Goldberg.



47.

## Muso ed kato.

(El Krylov).

«Najbaro!» diris mus' al rato:
«Ĉu aŭdis vi sciigon bonan?
Ja oni diras, ke mem kato
Enfalis ungon en leonan.
Ni ank'e havos jam liberon!»
— «Ne ĝoju vane vi amato,
Ne kredu tiun-ĉi malveran
Novaĵon!» nun rediris rato;
«Se ungon de la kat'-fripono,
Eĉ mem tuŝetus la leono,
Lo, certe, viva jam ne restus;
Ol kat' pli forta nenju estus.»

Mozes Goldberg.



## 48.

# Vulpo ed lupo.

(El Krylov.)

---

Vulp' super kokidaĵ' satiĝis.
Kaŝinte reston por provizo,
Sub fojno dormi lo kuŝiĝis.
Lo vidas, iras lupo griza.
«Vesperon bonan! ho baptano!»
Al vulpo diris lup' malsata:
«Kia mizer'! nek ost', nek pano,
Kiel suferas mi, amata;
La hundoj bojas ed krietas,
Ed la paŝtisto ne dormetas,
Li 'stas fidela ed gardema ....
Amik' vi estu kompatema ...»
Ĉu efektive?» — «Tjel precize.»
«Kia domaĝ'! Ĉu vi, malriĉa,
Ne volas fojnon? Jen sufiĉa ...«
Ed eĉ ne vorto pri-l' proviza
Ed la restinta kokidaĵo.
Sed nia griza lup' malsata
Ne de la fojno ja deziris;
Lo volis iom da vjandaĵo.
Lup' je oreloj karesata,
Sen manĝo hejmen tuj foriris.

Mozes Goldberg.

## 49.

# Du hundoj.

(El Krylov.)

---

Foj' hundo korta, fidela, Barbos',
Portanta servon de-l' mastr' sen ripoz',
Amikon sian malnovan ekvidis;
Sur la fenestro kusenon lo sidis.
Lon kjel parencon Barbos' salutadis,
Krietis, saltis ed voston turnadis.
«Nu, kiel, Ĵujo, vi fartas, de-l' horo
Al si akceptas vin via sinjoro?
Kjan servon al vi difinis la sorto?
Ja vi, kredeble, memoras ankor'e,
Ke iam ofte ni amb'e en korto
De la malsato suferis dolore.
«Ja peko estas plendadi feliĉon,
Mi havas ĉion ed vivon tre riĉan.»
Respondis Ĵujo al lo kun kontento:
«Mi manĝas, trinkas ĉiam sur arĝento;
La tempo pasas ĉe mi sen laboro;
Se, petolante kun mia sinjoro,
De petolado mi forte laciĝas,
Mi sur tapiŝo tre mola ruliĝas.
Nu, kiel ĉe vi pasadas la horoj?»
— «Ĉe mi?» — respondis Barboso en ploro, —
La voston, nazon metante al tero:
«Ho, frato mia, anta'a sufero!

Ed la malsato ed la malvarmego
Turmentas ĉiam min, ed sub pluvego
La mastran domon fidele gardante,
Sub la baril' malsekiĝas konstante;
Ed, se maltrafe mi voĉon eklevas,
Ekbaton ofte mi ank'e ricevas.
Nu, kial Ĵunjo, vin flatas la sorto,
Estante ĉiam malgranda, sen forto,
Dum senkompate lo min tre konsumas?
Vi diru, kian oficon plenumas?»
— «Oficon kian?» Nun Ĵuĵo rediras:
«Ja per la postaj piedoj mi iras.»

Mozes Goldberg.



50.

## Az'no, kapro, urso ed simjo.

(El Krylov'.)

Foj' az'no, kapro, urs', simio
Kvarope sidis sub tilio,
Ed volis ludi en kvartato.
Jam ĉio estis preparata:
Aldo, violonoj, baso,
Por ke la popolamaso
Ravita estu per muziko!
Sed estis lud' sen harmonio.

«Vi haltu!» krias la simio:
«Ne tiel sidas vi, amikoj;
Vi, urso, kontra' ald' sidiĝu,
Vi, kapro, kontra' prim' stariĝu!
Ed tjel ekludos l' instrumentoj
Ke estos arboj, mont' kontentaj.
Obeis lon artistoj niaj
Sidiĝis unuj kontr' aliaj.
Rekomenciĝis la akordo,
Malbona tamen lud' sen ordo.
«Vi haltu!» la azen' detenas, —
«Mi la sekreton jam komprenas:
Tiam pli bona lud' fariĝos,
Se ĉiuj ni en vic' sidiĝos.»
Sed tamen lud' sen harmonio,
Malgr'e ke sidas en linio.
Rekomenciĝis malkonsento,
Kjel sidi kun la instrumento.
Jen ĝustatempe al disputo
Alflugis tien najtingalo;
Al lo alpaŝis ĥor' la tuta,
Ed diras: «Vi nin en detalo
Klarigu en kjo ni eraris?
Ja ĉion ni por lud' preparis,
Jen aldo, baso, violono . . .
Nur kiel sidi estu bona
Vi nun al nia rond' konsili!»
— »Ho, vane! — diris lo al ili —

Por lud' orel' pli delikata
Ed senc' ja estas bezonata;
Kjel ajn sidiĝos vi ludantoj,
Ne taŭgos vi por muzikantoj.»

Mozes Goldberg.



## 51.

## Kato ed ezoko.

(El Krylov'.)

Okazis, ke denta ezoko malica
Okupi sin voli; je kata ofico.
Ne estas sciata la kaŭzo de tio:
Ĉu lon turmentegis malica envio,
Aŭ en maljuneco jam fiŝa la tablo
Fariĝis al lo, eble, tro malagrabla.
L' ezoko ekpensis ekpeti la katon,
Grenejon kaptadi musetojn ed raton.
«Ĉu scias, amiko, vi tiun laboron?
Vi vidu ed gardu vi vian honoron,
Por ĉiu afero senc' estas bezona!»
Avertis l'ezokon kateto la bona.
— «Sufiĉe! ĉu estas muset' maloftaĵo!
Plenumis pli multe jam mi da grandaĵo,
Ed kaptis eĉ grandan amason da perĉoj.»
Respondis l'ezoko al kato en ŝercoj.
Ed tiel jen ili ekiris feliĉe. . .
La kat' sin amuzis, manĝegis sufiĉe

Ed poste l'ezokon viziti rapidas.
Jen kuŝas l'ezok', apen' viva, lo vidas,
Ed tutan la voston mordetis jam rato.
Por lon revivigi nun, tuj, de kompato,
Lon ree fortrenis la bona kateto
En lokon anta'an for, for en lageto.
Memoru ezoko Vi tiun sentencon:
Je mus' ne deziru estonte potencon.

Mozes Goldberg.



52.

## Sturno ed kukolo.

(De Ĥemnicer.)

---

Foj' ie en urb' aŭ vilaĝo
Al sturno prosperis el kaĝo
Forflugi liberan aeron.
»Ĉu estis, vi diru la veron
Pri nia kantado parolo?» —
La sturnon demandis kukolo —
«Vi pri najtingal' kion aŭdis?»
— «Lon ĉiu tre gloris ed laŭdis.»
«Ĉu aŭdis vi pri la alaŭdo?»
— «Jes, neesprimebla la laŭdo.»
«Pri turd' kion aŭdis, amata?»
— «Lo ank' ĉie estas laŭdata.»
«Ed pri mi ĉu aŭdis vi ion?»

— «Ne, pri vi mi aŭdis nenion.»
«Nu bone», kukol' sin konsolas
Mi ank'e pri si nur parolas.

Mozes Goldberg.

## 53.

## Denaro laŭdata.

(Araba.)

Laŭdata vi, denaro, flavruĝa, brula, bela,
Migranto malproksima de-l' lando subĉiela!
Tre laŭta via gloro, potenca vi monero,
En vi kaŝita estas donaco tre mistera.
Al vi ja ĉiu brulas per nepreteksta amo,
Ĉu via kor' metala ne estas mia sama?
Sukceson anta'diras al ni via vizaĝo;
En kies poŝ' sonoras vi, tiu tre kuraĝa.
De malproksime logas vi per rigard'afabla,
En mult' da dunaskitoj vi estas tre agrabla.
Vi regnas je-l' aferoj de ĉiu land', centjaro;
Al feliĉuloj estas feliĉ' de vi, denaro!
La zorgon al kolegoj forgesi vi devigas,
Ed brilon de plenlumoj bril' via mallumigas.
Vi karbon la brulruĝan de kolereg' estingas
Per vi ja liberecon kaptita sklav' atingas.
Se punon mi ne timus de Dio la senmorta,
Jam dirus mi kuraĝe: «Denaro la plej forta!»

Mozes Goldberg.

## 54.

## Denaro mallaŭdata.

Pereu, malbenita denaro, vi ruzulo,
Lumflava, duvizaĝa, flatulo, perfidulo!
Rigardon sorĉas via duobla vizaĝeto,
Per lum' de am' briletas vi kiel fraŭlineto.
Per brula amo via logiĝas eĉ saĝuloj;
Ed la koler' de Dio tondregas je pekuloj.
Ja se ne vi, malofte aperus jam fripono;
De dekstra man' seniĝus nenia jam persono.
Jam nokte la migrantojn ne gardus l'avarulo,
Neniam la ŝuldantojn riproĉus la riĉulo.
Avid'rigardojn timus nenia jam estaĵo, —
Mult', mult' kaŝita estas en lo da malbonaĵo.
Ne estas ĝis la fino fidela lo servanto;
Sin en mizer' deturnis de-l' voj de-l'forkuranto.
Per loa muĝ' karesa logita ĉiu restas;
L'ĵetint' lon de krutaĵo la plej feliĉa estas! —

Mozes Goldberg.

## 55.

## Tri Budrys'oj.

(El Mickiewicz.)

Budrys, forta ed sana, maljunulo Litvana,
  Sur la korton alvokas tri filojn:
«Iru tuj en la stalojn, selu bone ĉevalojn,
  Ed akrigu la glavojn, ĵetilojn.

Kuras famo en rondo, por tri flankoj de-l' mondo
Al ni Vilno trumpetos ordonojn:
Olgerd falos en Rus'jon, Princo Kejstut la Prus'jon,
Ed Skirgello atakos Polonojn.

Fortaj, sanaj vi estas; iru, filoj, mi restas;
Litvaj dioj konduku vin, benu!
Por la vojo utila, bona vorto konsila:
Tri vi estas, tri vojojn vi prenu.

Un'a devas elkuri, kun Olgerdo veturi
Kontra' Nov'grod post Ilmen kuŝanta;
Tie vostoj zibelaj, la ornamoj tre belaj,
En amasoj la rublo sonanta.

Dua devas elfali, sub Princ' Kejstut batali:
Pereadu Krucistoj-hundfratoj!
Tje sukceno la ora, drapo mire kolora,
Briliantoj en pastraj ornatoj.

Tria post la Njemeno, en Skirgella la treno,
Nur malriĉan akiron li trovos;
Tie inda nur havo: bona ŝildo ed glavo,
Ed Polinon kunpreni li povos.

Super ĉiuj virinoj, plej amindaj Polinoj!
Tjel gajetaj kjel junaj katetoj;
Blanka, roza la vango, kvaz'e lakto ed sango,
Ed la ok'loj — brilantaj steletoj.

El Polon'jo, junaĝa batalanto, kuraĝa,
Anta' jaroj mi portis edzinon. . . .
Jam ne batas la koro — kun malĝojo, doloro
Rememoras mi vian patrinon.»

Ed, doninte konsilojn, li benadis la filojn;
La armitajn forportis ĉevaloj.
Aŭtun'-vintro sin trenas, filoj reen ne venas;
Eble falis en sangaj bataloj. . . .

Per la neĝo kovrita, rajdas viro armita,
Sub la burko objekto tre granda.
«Filo! sub la mantelo, rusa mon' en sitelo?»
— «Ne, patreto, filino Pollanda!»

Per la neĝo kovrita, rajdas viro armita,
Sub la burko akiro tre granda.
«El la Prus'jo! sak' plena, kun la sablo sukcena?»
— «Bofilino, patreto, Pollanda!»

Per la neĝo kovrita, tria viro armita,
Ion grandan li kaŝas sub vesto:
Budrys jam ne atendis, invitadi li sendis
Por la tria edziga la festo.

Antoni Grabowski.



## 56.

# En Svis'jo.

(El Slowacki.)

---

I.

Ek ŝi malaperis kjel sonĝo, kjel ora,
Mi svenas d'enuo, sekiĝas dolora.
Ne scias mi kjal-do l'anim' al la ĉjeloj
N'elflugas el cindroj post ŝi, al Anĝeloj?
Pro kio ne flugas al mondo alia,
Al tiu savita, amata la mia!

II.

En Svisaj la montoj un' estas kaskado:
De-l' Aar lazura la akvo-falado.
Ke tjen ekrigardu la kap' turniĝanta!
Vi vidas ĉjelarkon sur kavo ŝaŭmanta?
Sur neb'loj arĝentaj sin tuta pendigas,
Ed nenjo lon miksas, ed nenjo forigas;
Nur tempe ŝafido la blanka trairas
La arkon ĉielan, en valo sur randoj
Mordeti florantaj je-l' rozoj, juglandoj;
Aŭ ia kolombo, kju akvon deziras,
Kjel fjera, estante al briloj simila,
La arkon rapide traflugas, la brila.
Mi tje ŝin ekvidis! tuj amo min prenis;
Ke ŝi el pluvarko, el ŝaŭmo elvenis,
Mi kredi komencis, la kredo nun restis:
Tjel luma de sunaj la radjoj ŝi estis!

Tjel plena ŝi estis da lumo anĝela!
Ed per la pupilo lazura tjel hela!
Kjam ok'loj transiris de pjed' al plekt' hara,
Por ok'loj ŝi estis amata ed kara;
Ed post tiu sento nin ami iganta
Kor' iris, post koro l'animo sekvanta;
Ed tiel rapide komencis l'amado,
Ke volis mi flugi al ŝi tra-l' kaskado;
Mi timis, ŝi flugos kjel pala vidaĵo;
Pli fru' ol animo kun krio vekiĝos,
En arko ĉiela, kaskad', profundaĵo
Ŝi falos, sin solvos ed de mi foriĝos.
Mi timis kjel homo en sonĝo magia,
Ĉar jam mi ŝin amis, ŝi estis jam mia.
Mi tiel ekvidis ŝin solan, sub hela
Pordego kolora, de-l' arko ĉiela.
Surblovis min ĉarme de-l' amo ekblovo,
Mi, okl'ojn subinte, ekstaris sen movo.'
(Komenco.) Antoni Grabowski.



## 57.

## Al la virino.

(El Krasiński.)

Kvank' logos vi koron per ok'la kristalo,
Turmentos per vana de pensoj sekeco,
Vi viva ne estos ankor' idealo,
Ne estos ankor'e virina beleco.

Modesto sen scio, la buŝ' de karmino,
Ank' hodj'e malmultan nur havas valoron —
Ne esti — elkreski vi devas virgino,
Pasante la tutan de-l' mondo doloron.

Inspiroj, turmentoj, de larmoj multeco
Ekbrilos per radjo de-l' sankta Dieco,
Ed lumos eterne vizaĝa la palo;

Kjam plektos sur via la frunto marmora
De-l' forto koronon la vivo dolora:
Vi tiam Beleco! tiam Idealo!

Antoni Grabowski.



58.

## Demando.

(El A. Odyniec.)

---

Kju divenos, kju lon vidas,
En la ok'la en speg'leto
De-l' knabino, kio sidas:
Anĝeleto aŭ djableto?

Sidas tie sur la rando
Senflugila un' knabeto;
Ĉju lin vidas — sed demando:
Anĝeleto aŭ djableto?

Foj' de li, el sub palpebro,
Brilas ĉjela tja lumeto,
Ke vi ĵurus tuj en febro:
Serafimo, ne djableto!

Sed jen pikas vin petole
Rigard' akra, kjel pingleto,
Vi ekkrius kontra'vole:
He, satano, ne djableto!

Mondo penas tjal eterne
Pro la solvo de-l' ligeto:
En fraŭlina okl' interne
Anĝeleto aŭ djableto?

Antoni Grabowski.



## 59.

## Vana plendo.

(El A. Asnyk.)

Vana la plendo — ed sopir',
Senforta la malbeno!
Pasintajn formojn nenja mir'
Jam kaŭzos al reveno!
Mond' ne redonos en regres',
Vidaĵojn de-l' revado;
Eĉ fajro, glav' ne estas ĉes'
Al pensoj en kurado!

Kun vivaj iri devas ni,
Ed novan vivon doni,
Sed ne per velka laŭr-foli'
Obstine kapon kroni.
Reen ne iras viva ond'!
Senfrukta plendo via,
Koler' senforta, ĉar la mond'
Sur vojo iros sia.

Antoni Grabowski.

## 60.

## Al la virino.

(El Marja Konopnicka.)

Ĉu vi scias, vi bela, ed vi ridetanta,
De kiu la buŝeton disklinas gajeco,
Kjon signifas «mi amas», la plej sankta vorto,
Kiu falas el brusto, kjel sageto ora,
Ed kiel la kurteno de reĝa purpuro,
Vin tute apartigas, per tuŝiĝo rozan,
Ed tremantan per virgaj sonĝoj de feliĉo,
De ĉiuj, ĉiuj homoj, sur la tuta tero,
Por ke vi nur al unu malfermu la brakojn?

---

Ĉu vi scias pri tio, papiljo ed floro,
De matenoj printempaj vi kanta birdeto,
Ke tiu sama horo, en kju buŝo via
Murmuretas la vorton, estas hor' de miroj?

Ke tiam lume, hele, fariĝas sur mondo,
Ke arĝenton fluigas ĉiuj vivaj fontoj,
Ke rozoj en burĝonoj ruĝiĝas printempaj,
Ke mirindaj vidaĵoj, facilaj ed sonĝaj,
Korp'-fariĝas sub via tremanta la mano?
Ke en via pupilo, kjel en prismo l'suno,
La vivo siajn brilojn rebatas laŭ miloj,
Ed refleksas la radjon sian briliantan? . . .
Ke nokto sian kronon arĝentan de-l' kapo
Al pjedoj viaj ŝutas per malvarmaj rosoj?
Ke per via tuŝiĝo eĉ tremas la steloj?

---

Ĉu vi scias pri tio, ke tiu-ĉi vorto
Vin faras la pastrinon de puraj altaroj?
Ke tiu sento, kiu la virgajn ĉjelruĝojn
Ĵetas sur la blankecon liljan de vizaĝo,
Ed per fajro djamanta en ok'lo elbrilas,
Ne nur feliĉo estas, sed ora pesilo,
Kiu eston tutmondan tenadas en movo;
La unua bruligo en grandega fajro,
Kiu mondon per siaj briloj ĉirka'prenas,
L'unua ero en la ĉeno de-l' kreado? —
Ĉu vi scias, ke kiam krepuskoj misteraj
Eldonis la junulajn formojn de la tero,
Kiu staris ankor'e nuda mez ĥaoso,
L'unua vorto, kiun Dio sur la Ĉjelo
Diris al tero estis la vort': «mi vin amas!»

---

Aŭskultu jen! «Mi amas» tute ne signifas:
Mi volas karesata reĝi vian domon;
Mi volas pasi vivon sternatan per floroj,
En viaj kisoj volas mi droni flamanta;
Mi volas, ĉjumatene suno al mi lumu;
Mi volas, ĉjuvespere lampon diamantan
Lun' arĝenta bruligu super via kapo;
Mi volas, ke vi aŭdu min la tutan tagon,
Ĉiam min salutadu per via rideto;
Kantojn al mi kantadu kun la najtingalo;
Volas vivi el via laboro ed ŝvito;
Mi volas, ke vi estu mia ombro, eho,
Ĉiam responda por mi la malliberulo.

---

Ne, — «mi vin amas» tio signifas: mi volas
Kun vi levi la pezon, nomatan la vivo;
Esti de via domo lumo ed ornamo,
Ed porti al vi pacon, trankvilon ed sanon.
«Mi amas» tjo signifas: viaj idealoj
Ed viaj celoj estas ank' egale miaj;
Ni laboradu kune, ke tagiĝo blanka
        Pli frue disbrilu sur tero!
Volas, ke via vojo estu mia vojo,
Viaj deziroj estu ank' deziro mia,
Volas, vi estu mia voĉo konscienca,
        Kun si min konduku — al Dio.
Mi volas, ke kurante en prem' reciproka,
Kjel du spiritoj en la regnon d'eterneco,

Ni disradjigu tie, sur mondo malluma,
La stelajn vojojn de la estonteco.
Volas, per via scio disvastigi mian,
Ed konservadi kiel ĵuron vian vorton;
Kun vi mi volas revi, sopiri ed kredi
En de spirito nerompeblan forton.
«Mi amas» — tjo signifas: kun vi mi partigi
Volas panon de peno, de larmoj, doloro;
Ok'lojn viajn en tagoj malĝojaj gajigi,
Esti la ŝildo de via honoro.
Esti sur via brusto kiel blanka rozo,
En kiu brulas ia mistera flameto;
Mi volas esti kiel rubina sig'lilo
Sur via buŝo, sen vorto.
Forgesita mi volas vivi en trankvilo
En ia anguleto, sed al vi komuna . . .
Ed al nia infano, super la lulilo,
Kanti kantetojn en nokto senluna.

---

«Mi amas!» tjo signifas: spirito libera!
Mi ne volas flugilojn ligi viajn helajn
Alforĝi vin al zorgo malvasta, mizera,
Vin, kiu alkutimis, kjel aglo flugadi
Laŭ de pensoj ekblovo, sur plej altajn suprojn,
Ed en lazuroj neston konstruadi.
Mi ne volas multpezi al vi kjel kateno,
Ligi vin kun la tero per la fera ĉeno;
Mi volas nur, ke nomu vi min, ho amata,

Spirito al vi parenca ed frata.
«Mi amas!» tjo signifas: por vi mi nun volas
Esti ĵuro de vero, de bono, de belo
La amata de via animo infano,
Esti la revo via — pri la ĉjelo.
Esti al via domo la hedero blanka,
Esti al via frunto gardo de la bruloj,
Mi volas esti via penso, via brako,
Via amiko-edzino.

---

Se ne batas en via brusto, ho virino,
Kor' kapabla por amo de tia alteco,
Ne diru vi: «mi amas», al nenju sur tero,
Ĉar tiu, kiu ligos kun vi sian sorton,
Rigardante vin per la malgajaj okuloj,
Ke li vivas, li nenjam eldiros la vorton;
Spirite enkreskinte en mallibereco
Li nenjon faros por la posteuloj.

Antoni Grabowski.



## 61.

## Serenado de Apollo.

(El la fablo greka de H. Sienkiewicz)

El de Parnaso plej altaj supraĵoj,
Kie en brilo ed inter bluaĵoj,
La inspiritaj, nur min adorante,
Muzoj en kantoj min gloras konstante:

Mi, dio luma, mi, la adorata,
Venas! ... La brakojn malfermu amata!
Sur via brusto, momenton simila,
Pasos l'eterno al mi, Erifila! ...

— — — — — — —

— — — — — — —

Brakojn malfermu ed venu al koro!
De mi eterna atendas vin gloro ...
Ed super ĉiu Olimpa diino
Nom' via estos glorata sen fino ...
Bela! mi donos al vi nemortecon,
Mi tiel vian ornamos belecon
Per la potenco de-l' vorto la dia,
K' en tuta Grek'jo reĝino nenia
Estos egale kun vi adorata!

— — — — — — —

Brakojn malfermu, malfermu, amata!

— — — — — — —

— — — — — — —

Siros mi for de la mar' la lazuron,
De la ĉjelruĝo — la oron, purpuron,
Brilon de steloj, la roson de floroj;
Ed tjela luma, brilanta teksaĵo
Estos por mia amata de-l' koro:
De la Kiprido ĉjelarka vestaĵo ...

Antoni Grabowski.



62.

## Revaĵo.

(De P. Dalman.)

---

Sur la valo neĝa vento
Blovas ĉiam pli;
Fajro sur kameno mia
Krakas ĉirka' mi.

Ĉe-l' kamen' el pipo ringe, —
Fumon lasas mi . . .
Ĉiuj remomoroj miaj
Flugas for kun ĝi.

Kje 'stas floroj ed esperoj,
La juneco d' or'?
Kiel vento la blovanta,
Ili flugis for!

Vent' sen celo, mi sen celo
Kun vi, fumo, tri . . .
Tri sen celo sur la mondo
Kune flugu ni!

Antoni Grabowski.



63.

## La koroneto.

(El boheme.)

---

De-l' arbaro princa
Blovas la venteto;
La knabino kuras
Al la rivereto.

Kiam en la vazojn
Akvon ŝi enprenas,
Sur ŝaŭmanta ondo
Koroneto venas.

Bela koroneto
Dolĉa la odoro:
De la violetoj,
De la roza floro.

— «Diru, koroneto,
Kiu en mateno
Plantis vin en mola
Tero de-l' ĝardeno?

Mia don' al tiu,
Koroneto flora,
Estos la brilanta
Mia ringo ora.

Diru, koroneto,
Kiu en mateno
Siris la floretojn,
Ligis per fadeno?

Mia don' al tiu,
Koroneto kara,
Estos tiu bela
Mia pinglo hara.

Diru koroneto,
Kiu en vespero
Ĵetis vin malvarman
Akvon de-l' rivero?

Donos mi al tiu,
Donos mi doneton,
De la kapo mia
Rozan koroneton.»

La knabino kaptas
Koroneton ĉarman, —
Falas, ha, ŝi falas
Akvon la malvarman.

Antoni Grabowski.



## 64.

# Se, tjam.

(El A. Tolstoj.)

---

Se ekami, tjam potence;
Se minaci, tjam intence;
Se insulti, en varmego;
Se ekbati, per fortego.

Se disputi, kun sincero;
Se starigi, pro afero;
Se pardoni, per animo;
Se festeni, jam sen limo.

Antoni Grabowski.

---

## 65.

# Distiĥo.

(El latine.)

---

Kiam vi estos feliĉa, vi multajn kalkulos amikojn,
Nuba se estos la temp' — sola nur estos vi tjam.

Antoni Grabowski.

---

## 66.

# Sentenco.

(El itale.)

Se zorgon internan el ĉia
Frunt' legi vi povus, kunfrato,
Kjel ofte la sento envia
Tjam cedus al kora kompato!

Antoni Grabowsk

## 67.

# Excelsior.

(El Longfellow.)

La nokto rapide la ombrojn delasis,
Kjam Alpan vilaĝon junulo trapasis,
Mez neĝo ed glacjo standardon portanta
Kun tia devizo mirinde sonanta:
Excelsior!

La frunto malgaja, ed ok'lo junula,
Kjel glavo en suno, flamanta ed brula;
Ed sonis, kjel klara trumpeto arĝenta,
La vort' nekomprena tra nokto silenta:
Excelsior!

Li vidis, en loĝoj feliĉaj, tjel ĉarme
Jen brulis la fajro lumante ed varme;
En supre glacjaĵoj minace sin trenis;
El lipoj junulaj l'sopiro elvenis:
Excelsior!

«Ne provu la pason!» maljuna hom' diris,
En supre sin nigra ventego kuntiris,
Profunda la akvo, ŝiranta la ondo!»
Ed laŭte eksonis la klara respondo:
Excelsior!

«Halt'!» diris knabino. «Kap' via de-l' laco
Sur tiu-ĉi brusto ripozu en paco!»
Larm' staris en blua la ok'lo brilante,
Sed tamen respondis l'junul' sopirante:
Excelsior!

«Ho! gardu vin anta' branĉ velka de-l' pino,
Ho! gardu vin anta' terura lavino!»
Lin laste por nokto salutis hom' ia!
El alte rediris la vorto adi'a:
Excelsior!

Kun al la ĉielo levita rigardo
La piaj monaĥoj de-l' Sankta Bernhardo
En frua mateno la preĝojn murmuris,
Ed krio skuanta l'aeron trakuris:
Excelsior!

Migranto, duone l'en neĝo fosita,
De-l' hundo fidela li estis trovita;
Li tenis ankor'e en man' glacja sia
Standardon kun stranga devizo jen tia:
Excelsior!

Ed en duonlumo la griza, malvarma,
Li kuŝis senviva, sed bela ed ĉarma,
Ed de malproksime, el klara la ĉjelo,
Defalis la voĉo, falanta kjel stelo:
Excelsior!

Antoni Grabowski.



## 68.
## La pluva tago.
(El Longfellow.)

La tago malvarma, malgaja sensuna;
Ne haltas la ventoj ed pluvo aŭtuna;
La vin'jo je-l' muro putranta sin tenas,
Sed ĉiu ekblovo la foljojn deprenas,
Ed la tago — malvarma, sensuna.

Mia vivo malvarma, malgaja, sensuna;
Ne haltas la ventoj ed pluvo aŭtuna;
Miaj pensoj sin tenas je tempoj pasintaj,
Sed falas en vento esperoj velkintaj,
Ed la tagoj — malvarmaj, sensunaj.

Ekhaltu, ho koro malgaja, ne plendu!
Post nuboj la suno radjantas — atendu!
Ne sola vi tiel kun sorto batalas,
En vivon de ĉiu la pluvo ja falas,
Kelkaj tagoj — malvarmaj, sensunaj.

Antoni Grabowski.



## 69.

# La sago ed la kanto.

(El Longfellow.)

---

Mi pafis sagon en l' aeron,
Ne scias kje lo falis teron;
La forfluganta tjel rapidis,
Ke mi la kuron eĉ ne vidis.

Mi spiris kanton en l' aeron,
Ne scias kje lo falis teron;
Eĉ la plej bona akr'vidanto
Ne sekvos flugon de la kanto.

Mi longe poste, unu tagon,
En kverko trovis mian sagon;
La tutan kanton kun muziko
Mi trovis en la kor' d' amiko.

Antoni Grabowski.



## 70.

# La renkonto de ŝipoj.

(El angle.)

---

Kjam ni sur maroj silentaj vojiras,
Tagoj ed noktoj eterne sin tiras,
Ho, kiel dolĉe, komprenas ŝipano,
Velon rekonti sur la oceano!

Ĉiu ok'lo radjas foje,
«Ŝipo hoj!» ni krias ĝoje;
Dume venas la respondoj:
Sonas «Ŝipo hoj!» sur ondoj.

Ed malrapide ni venas proksime,
Pri niaj karaj parolas intime, —
Sed nin disigas adi'oj turmentaj,
Por revojiro sur maroj silentaj.

Antoni Grabowski.

## 71.
## Sonoriloj de vespero.
(El T. Moore.)

Sonoriloj de vespero, sonoriloj de vespero!
Kiom ili rakontadas pri juneco ed espero,
Pri la domo de gepatroj, pri la dolĉa kora ĝojo,
Kiam mi ilian sonon aŭdis je la lasta fojo!

Longe, longe jam forpasis tiuj de-l' ĝojeco horoj!
Ekdorminte je eterne jam ne batas multaj koroj.
En la tomboj ili loĝas post la ĝojo ed sufero:
Ne por ili la muziko, sonoriloj de vespero!

Ank'e, kiam mi ripozos je eterne en trankvilo,
Ne ekhaltos la batado de vespera sonorilo,
Dum kun kanto novaj bardoj paŝos jam sur nia tero
Ed vin aŭdos ed vin laŭdos, sonoriloj de vespero!

Antoni Grabowski.

72.

## La trovo.

(El Göthe.)

Foj' en la arbaro
'Tjel sole mi iris,
Ed serĉi mi nenjon
En pensoj deziris.

Mi vidis en l'ombro
Jen staras floreto:
Kjel steloj lumanta,
Kjel blua ok'leto.

Mi volis lon ŝiri,
Sed plore lo diras:
«Cu por ke mi velku,
Vi tjal min deŝiras?»

Ed mi lon elfosis
Kun ĉju radiketo,
Alportis ĝardenon
Ĉe mia dometo;

En loko trankvila
Replantis karese;
Nun kreskas lo, branĉas,
Ed floras senĉese.

Antoni Grabowski.



## 73.

# Saluto de maro.

(El Heine.)

---

Thalatta! Thalatta!
Mi vin salutas, eterna mar'!
Mi vin salutas dekmil foj',
El koro ĝojanta,
Kjel vin eksalutis
Dekmil grekaj koroj,
Fortaj en mizero, hejmen postulantaj,
En mondo gloraj, grekaj koroj.

Balancis sin ondoj,
Balancis ed bruis,
La suno verŝis sur ilin rapide
La rozajn ludantajn lumojn;
La timigitaj mevaj tiroj
Flugadis for, laŭte kriante,
Frapis la hufoj, sonoris la ŝildoj,
Ed malproksime sonis kjel venk-krio:
«Thalatta! Thalatta!»

Mi vin salutas, eterna mar'!
Kjel lingvo patr'ja bruas via akvo,
Kjel sonĝoj infanaj io briletas
Sur via vasta balanca ondar'.
Al mi rememoro rakontas denove
Pri ĉju amata bela ludilo,

Pri ĉiuj brilantaj donoj kristnaskaj,
Pri ĉiuj koralaj ruĝaj arbetoj,
Orfiŝoj, perloj ed konkoj koloraj,
Kiujn vi kaŝas mistere,
Malsupre en domo kristala.

Ho, kjel mi enuis en dezerta fremdo!
Kjel floro velkinta
En la kaps'lo de-l' botanikano,
Kuŝis la kor' en la brust'.
Mi sentas, kvaz'e longan vintron
Malsana mi sidus en ĉambro malluma,
Ed nun mi lon lasas subite,
Ed brile kontra' mi radjas
La smaragda printempo, vekita de-l' suno,
Ed bruas la blankaj arboj florantaj,
Ed la junaj floroj min rigardas
Per siaj ok'loj la bonodoraj,
Ĉjo sonas, aromas, respiras ed ridas,
Ed en blua ĉjelo kantas la birdetoj —
Thalatta! Thalatta!

Vi brava kor' retiriĝa!
Kjel ofte, maldolcê-ofte,
Vin premis de la Nordo barbarinoj!
El grandaj ok'loj venkantaj
Ili pafis brulantajn sagojn;
Per vortoj kurbe glatitaj
Minacis fendi mian bruston;

Per kojnoskribaj biletoj disrompis
Mizeran cerbon mian surdigitan —
Vane mi tenis kontra'en la ŝildon,
La sagoj siblis, la batoj krakis,
Ed de la nordaj barbarinoj
Mi estis premita ĝis la mar' —
Ed libere spirante mi vin eksalutas,
Amata, savanta mar',
Thalatta! Thalatta!

Antoni Grabowski.



## 74.

## Embaraso.

(Kanteto germana.)

Mi volus al vi diri ion,
Sed kion, mem ne scias mi;
Ed se vi min demandus tion,
Mi nur respondus tion-ĉi:
  El tuta kor' mi amas vin,
  Nur sole vin, nur vin!
Se kanti kanton mi ekprovas
Irantan al vi al la kor',
Mi sole unu vorton trovas
En la anim' je ĉia hor':
  El tuta kor' mi amas vin,
  Nur sole vin, nur vin!

Mi volus skribi letereton,
Malkovri mian kor' al vi,
Tro malfacile! nur vorteton
Mi skribas ed ne scias pli:
El tuta kor' mi amas vin,
Nur sole vin, nur vin!

Antoni Grabowski.



## 75.

## Mi rakontis.

(El Vejnberg.)

Mi rakontis al maro senborda
Pri la grandaj turmentoj en koro, —
Ed per bruo mallaŭta de-l' ondoj
Lo respondis al mi kun favoro.

Mi rakontis al vento rapida,
Ke ne povas mi spiri libere, —
Ed el landoj lo iaj mirindaj
Al mi portis tuj freŝon aere.

Mi rakontis al verda arbaro
De la vivo malgaja dolorojn, —
Ed en ombro lo tuj min dormigis,
Sancelante foliojn ed florojn.

Mi rakontis al suno varmega,
Ke mi vidas nur tagojn malklarajn, —
Varmigantajn ed lumajn radiojn
Lo tuj sendis al mi malavarajn.

Mi rakontis al homo-kunfrato
Pri la vivo senĝoja, — ed li,
Iel strange movinte la ŝultrojn,
Tre rapide foriris de mi.

Eduard Haller.



76.

## Trinku vinon!

(El Petőfi.)

Kju amatinon havas nenian —
Trinku li vinon!
Ed al li ŝajnos, ke nomas sian
Ĉiun knabinon!

Trinku li vinon, kiu en poŝo
Ne havas monon!
Tiam atendos mondaj riĉecoj
Lian ordonon!

Trinku li vinon, kiu sin trovas
En malfeliĉo!
Ĉion forgesos li, tiam estos
Lia feliĉo!

Ho! mi nun estas sen amatino
Ed sen moneto!
Ed malfeliĉa, tial trioble
Trinkas poeto!

Ferdinand de Kanaloŝŝy-Lefler.



77.

## Feliĉo.

(El Petöfi.)

Feliĉa, al kiu donita
Per mano benanta de-l' sorto:
La vivo por vino, virinoj,
Por sia patrujo la morto.

Ferdinand de Kanaloŝŝy-Lefler.



78.

## Kuŝas somero.

(El Heine.)

Kuŝas somero la varma
Sur via rozeta vangeto,
Kuŝas la vintro malvarma
En via malgranda koreto.

Tio-ĉi bald'e sin ŝanĝos,
Ho mia karega trezoro!
Vintro sin trovos sur vangoj,
Somero la varma en koro!

Ferdinand de Kanaloŝŝy-Lefler.



## 79.

## Latva popola kanto.

Mi en kampo kapon metos
Por defendi patrolandon.
Mi pli vole kapon donus,
Ol mi donus patrolandon.

Bruu, bruu, fulmodio,
Rompu ponton sur la Dina,
Ke ne venu malamikoj
En la mian patrolandon.

Landoj de tri reĝoj bruas
Kie fratoj ĉevaliras,
Fortaj viroj kiel kverkoj,
Glavoj ŝtalaj sonoregas.

Kie iros vi frateto,
Tie iros mi kun vi;
Kie glavon vi pendigos,
Tie koroneton mi.

Rudolf Libeks.



## 80.
## Malgrand'-rusa kanteto.

Jam malsupre suno staras,
Jam rapide vesperiĝas . . .
Kion do knabino faras,
Kial do ŝi ne montriĝas?

Ĉu patrino ne permesas?
Aŭ aliu jam ŝin tenas?
Ed ŝi dolĉe lin karesas
Ed al mi nun ne elvenas?

«Ho, hnabino! per fiero
Vi fariĝis nefidela:
Kial do vi en vespero
Ne elvenis, mia bela?

— Ho karulo! tempo pasis,
Ed ĝusttempe mi ne venis,
Ĉar gepatroj min ne lasis,
Ĉar gefratoj min fortenis» . . .

«Ne, ne ili vin fortenis!
Diru simple ed sincere:
Malbelulo mi ne venis,
Ĉar ne amas vin plu vere!»

Ha, mi vidas, kion faras
Karulino malfidela:
Kun aliu ŝi nun staras,
Pli feliĉa ed pli bela . . .

Ivan Lojko.



## 81.

## Profeto.

(El Lermontov.)

---

De kiam, laŭ volo de Supra Juĝanto,
Mi ĉionscianta fariĝis profeto,
Malvirton mi sentas en ĉiu vivanto,
Malicon mi vidas tra ĉiu rideto.

Mi altajn principojn de amo ed vero
Komencis prediki al miaj kunfratoj,
Sed ili min batis kun granda kolero
Per ŝtonoj, kuŝantaj sur placoj ed stratoj.

Kun cindro sur kapo, kun kora doloro,
Mi urbojn forlasis sen ia havaĵo,
Ed nun en dezerto — de Dia favoro
Nur ion mi havas por mia nutraĵo.

Laŭ sankta ordono de Anta'tempulo
Al mi ĉiuj bestoj volonte servadas,
Ed steloj ĉe vortoj de mi, dezertulo,
Pli ĝoje radias, pli hele lumadas.

Sed se iafoje tra urbo bruanta
Mi en rapideco pretere pasadas,
Min popolamaso renkontas mokanta
Ed maljunularo memfide diradas:

«Rigardu, infanoj, Vin edifigante,
Li estis fiera, kun ni malpacadis;
Malsaĝa, li volis kredigi nin vante,
Ke Dio al homoj per li paroladis.

Jen frukto de lia obstina vanteco!
Jen pala, malgrasa, malgaja profeto,
En vesto ĉifona, simila al reto —
Ĉe ĉiuj li estas en malestimeco.

Ivan Lojko.



## 82.

## Alaŭdeto.

(El boheme.)

Sarkas knabino kanabon
Apud ĝardeno sinjora;
Ŝin alaŭdeto demandas:
«Kial vi tiom dolora?»

— «Gaja mi esti ne povas,
Ho vi birdeto — kantanto,
Ĉar en la ŝtona kastelo
Mia suferas amanto.

Se mi nur havus plumeton,
Skribus leteron mi al li,
Ed vi lon portus ed lasus
Sur la fenestron elfali.

Sed nek papero, nek plumo,
Por skribi al la amanto,
Flugu ed tie salutu
Lin de mi en via kanto.

František Lorenc.



83.

## Kje dom' al mi?

(Bohema kanto nacja.)

Kje dom' al mi, patr'jo de mi?
Akvoj fluas tra herbaroj,
Montojn beligas arbaroj,
La ĝardenon multa flor'!
Paradiz' por sento, kor':
Tiu tero, bela tero,
La Bohem'jo patr'jo-ĉi.

Kje dom' al mi, patr'jo de mi?
Ĉu vi tiun teron konas,
Kie kantoj ĉiam sonas,
Kie sana la anim',
Kie sencoj sen la tim'?
De popolo tiu tero:
La Bohem'jo patr'jo-ĉi.

František Lorenc.



## 84.

# La libro de-l' naturo.

(El B. Jablonský.)

Estas unu granda libro,
Kiun skribas mem la Di',
Granda libro de-l' naturo
Estas sankta nom' de ĝi.

Se vi havas sentan koron
Legu diligente ĝin,
En literoj lòaj lernu
Koni Dion, mondon, sin.

František Lorenc.

## 85.

# La vero.

(El Kollár.)

Frat' ne malesperu, se stariĝas
Malamika kontra' vin envi';
Ne fidela al la ver', al si,
Kiu defendante lon, timiĝas.

Vero ne deŝtupas, se leviĝas
Eĉ la tuta mondo kontra' ĝi.
Laŭdas lon la malamika kri'
Ed de insultado lo beliĝas.

Ver' al Liban-cedroj similiĝas,
De la enblovantaj ventoj nur
Bonodor' agrabla disvastiĝas.

Loa lang' — glav' estas, brusto — monto,
Kor' — marmoro, mano — firma tur',
La piedo — rok' sur kontra'onto.

František Lorenc.



## 86.

## La vivo eterna.

De K. R.*

Mi ne kredas, ke ne portos
Ni pri vivo rememoron
En la ĉerkon, kiam mortos,
Kiam finos vivlaboron.

La okuloj ĉu kovriĝos,
Ed foriros la aŭdado?
Ed memoro ĉu foriĝos
En spirita liberado?

Ĉu «Madona'n» ne ekscias
En ĉieloj la pentristo?
Tie ĉu ne opinias
Pri Hamlet' poeziisto ?

Tio-ĉi ne ebla estas;
Sankta ĉio, bela ĉio
Ank' al ni agrabla restas,
Kjam al ni sin montras Dio.

Vladimir de Majnov.



87.

## Preĝo.

(El G. Giusti.)

Al la animo premata
De dubo, timo, doloro,
Venu al helpo, Sinjoro,
Kun de la kredo radi'.

Levu la pezon d'animo
Kiu en marĉon l'on tiras;
Al Vi mi plendas, sopiras;
Min rekomendas al Vi!

Vi scias, ke vivo mia
Iom post iom foriĝas;
Kjel vakso de fajr' fluiĝas
Kiel la neĝo en sun'.

Al la animo volanta
Flugi al Vi, ĉirka'prenon,
Rompu, Sinjoro la ĉenon
Kiu lon tenas ĝis nun.

Dr. Daniele Marignoni.



88.

## La riĉo ankor' ne feliĉo.

(De A. Paravia.)

Virineto, vi en kampa
Haltas humila laboro,
Ed rigardas kun fervoro
Post kaleŝ' fluganta for!

Vi nur vidas la flamecon
De kurantaj la ĉevaloj,
Vidas fulmon de kristaloj,
Vidas brilon de la or';

Sed ne vidas vi interne
Flanko de-l' sinjor' sidantan
Zorgon, akre lin pikantan,
Kiam kuras, staras li.

Se nur povus l'on ekvidi,
Vidus l'okulo aminda:
Ol kaleŝ' pli estiminda —
Kara malriĉec' de vi.

Dr. Daniele Marignoni.



89.

## Mi amis Vin.

Mi amis Vin! Senkore Vi ne vidis
Varmegan, puran mian amon.
Konfesis mi — sed tiam Vi nur ridis
De-l' am' unua koran flamon!

Ed longe mi suferis . . . Vin, amita,
Mi ne forgesis; sed en koro
La flama amo estas estingita,
Pri l'o nur restis rememoro.

Sed kial Vi, mi petas al mi diri,
Pasintan en mi amon movas?
Por nove ridi? koron mian ŝiri?
Ne, mi suferi pli ne povas!

Ne povas mi . . ĉar multe mi suferis;
Kor' malvarmiĝis de-l' doloro;
Ĉar ami mi jam tute malesperis,
Ĉar kredi Vin ne povas koro.

Aleksander Naumann.



## 90.

## Printempo venos.

Se la naturo rigidiĝas
De prem' de-l' vintro frostiganta,
Se tute per la neĝ' kovriĝas
Je longe tero ekdormanta,
Amiko kara! vi ne ploru:
Printempo venos ed somero,
Ke la naturo ree floru,
Ke verdu, reviviĝu tero.

Aleksander Naumann.



## 91.

# La mirinda Liro.*)

(Mirrakonto.)

---

En tempo longe jam pasinta
En malproksima urbo, foje
De liroj estis majstr' vivinta.
Post laborado longa, ĝoje
Li liron faris, liro lia
Bonsona estis, harmonia.

Mem liro el arĝento estis
Ed kordojn havis lo el oro;
Por tia liro bezonestis
Ne diligenta nur laboro,
Sed mult' da mono. Majstro kion
Nur havis, li elspezis ĉion.

Majstr' ludis liron. Ĉiuj homoj
Kun ravo liron aŭskultadis;
Popoloj kun diversaj nomoj
Aŭskulti liron aliradis.
Majstr' ĉiam ludis, homoj aŭdis
Ed purakore liron laŭdis.

---

*) Alegorjo, skribita en la fino de-l' 1891 j., kiam nia afero estis en danĝero. Dank' al S-ro Trompeter, kiel oni scias, la danĝero estis forigita.

A. Gr.

Kantadis liro pri turmento,
Pri am', doloro ed pri ĝojo,
Pri orient' ed okcidento,
Pri nord' ed sud', pri viva vojo,
Pri Dio ed anĝeloj liaj
En sonoj belaj, harmoniaj.

Ed anoj de diversaj bordoj
Kantadon liran komprenadis,
Ed inter si per loaj kordoj
Popoloj ĉiuj paroladis:
Laŭ vol' al lir' ĉiu aliris
Ed tintis, kion li deziris.

Je unu tia la kolekto
Da el diverse alirantoj,
Aparte liro kun efekto
Kantadis siajn mirajn kantojn.
Je fino majstro mem eliris
Ed per la liro jene diris:

— «Amikoj! Multajn, multajn jarojn
Mi liron tiun-ĉi preparis;
Labor' grizigis miajn harojn,
Mi tamen liron karan faris.
Por kiu? Por mi? Ne, la liro —
Tutmonda estas lo akiro!

Sed liraj kordoj, vidas ĉiuj
Ankor'e longe ne eltenos . .

Mi petas, geamikoj, kiuj
Jam apudestas ed alvenos,
Rimedojn al mi tuj vi donu,
Ke mia lir' eterne sonu!» —

Silentas ĉiuj kun malĝojo
Neniu ja respondi volas;
Ed tiam majstr' je dua fojo
Ankor' pli laŭte ekparolas:
— «Al lir' mi donis monon, vivon,
Animon . . . . . unuvorte ĉion.

Ĉu vi nenion doni povas,
Ĉu vi domaĝas la trezorojn?
Ĉu malfeliĉ' de mond' ne movas
Malvarmajn, ŝtonajn viajn korojn?
Li eksilentis; sed de-l' mondo
Ne venis re al li respondo.

Je tria fojo kun brilanta
Larmero en okulo klara,
Ne esprimeble suferanta
Por sia liro sankta, kara,
Majstr' diris: — «Liron zorgi kiu
El vi nur volas — prenu tiu.» —

Silento re al li respondo;
Ekĝemis majstro ed ploregis:
«Malvarma, sendankema mondo
Feliĉon sian detruegis!

Ho liro mia — mia ĝojo . . .»
Ekludis majstr' je lasta fojo.

Ploregis liro, lir' malbenis,
La liro bruis, liro ĝemis . . .
Kun malespero majstr' lon tenis;
Ed li per tuta korp' ektremis,
Ĉar . . . inter tio laŭ-la ordo
Ŝiriĝis ĉia lira kordo.

Ed kiam lasta disŝiriĝis,
La majstr' nenion tiam vortis,
Li rompis liron, mem kliniĝis
Ed falis . . . Majstro glora mortis;
La mond' bedaŭris lin ed ĉesis,
Ed nun jam tute lin forgesis . . . .

Aleksander Naumann.



## 92.

## Tri palmoj.

Orjenta legendo.

(El Lermontov.)

En sablo dezerta, en tuta soleco
Tri palmoj elkreskis kun la fiereco.
Sub palmoj potencaj en ombra loketo
Kuradis bruanta ed freŝa fonteto.
Konservis lon ĉia de-l' palmoj folio
De sablo dezerta, de suna radio.

Ed longe tri palmoj ekzistis jam tie,
Ed venis al ili migrant' de nenie
Por serĉi ripozon en ombra loketo,
Por trinki soife el freŝa fonteto.
Sekiĝi komencis de sunaj radioj
Fontet' murmuranta ed palmaj folioj.
Ed palmoj je Dio la plendon parolas:
«Ne, velki por ĉiam ankor' ni ne volas!
«Ni kreskis, ni floris de vent' ŝancelataj,
«De suno varmega sen ĉes' bruligitaj;
«Dank' al ni ekĝojis rigardo nenia
«Ho, estas ne prava decido, Di', via!»
Nur plendon ĉesigis la palmfoliaĵo,
Sabl' ora leviĝis en malproksimaĵo;
Ed sen harmoni' sonoriloj sonadis —
Kamel' post kamelo balance iradis
(Kiel en profunda la maro — ŝipeto)
Jen rekte al palmoj, al freŝa fonteto.
Kolora tend' inter ĝibegoj de besto
La dorson kamelan kovradis; en vesto
En blanka, manetoj 'stis brunaj montrataj
Ed duoj da nigraj okuloj vidataj . . .
Ed rajdis Arabo sur nigra ĉevalo
Kun la ponardego, farita el ŝtalo.
Kjel tigro vundita, en sabla la valo,
Sur postaj piedoj stariĝis ĉevalo;
La faldoj de vest' de Arab' disblovitaj
Sur ŝultro kuŝadis sen ord', disĵetitaj.

Vidinte fonteton, kun fajfo ed kanto
Ĵetadis kun ĝoj' ponardegon rajdanto.
Ed al karavano laŭ lia supozo
Sub palmoj prezentis sin bela ripozo.
Ed kruĉoj per akvo pleniĝis, sonante;
Fiere la kapojn belegajn klinante,
La palmoj salutas la gastojn; ed fonto
Trinkigas venintojn kun plena volonto.
Sed kiam sur teron ekfalis vespero,
La palmoj majestaj kun granda sufero
Pereis. — La korpoj iliaj hakataj
Per fajr' estis ĝis la maten' bruligataj —
Ed ĉiu senforta, malgranda infano
Ŝiradis la vestojn de palmoj per mano.
Kjam super la mondo la suno suriris
La gastoj de palmoj, de fonto foriris . . .
Postsigno malgaja sur tero nur restis:
Cindraĵo malvarma ed griza lo estis.
Per suno bruliĝis de palmoj restaĵo,
Lon vento disportis en la ĉirka'aĵo.
Nun estas ĉirka'e nur plena dezerto
Ed jam ne murmuras la fonto kun lerto.
Lo vane profeton pro ombro petadas:
Per sablo varmega lon vento kovradas;
Ed nur la dezerton vulturoj aliras
Ed tie akiron pinĉante disŝiras.

Aleksander Naumann.

## 93.

# La bovo ed la muŝo.

(El Ezopo.)

---

Foj' de laboro bovo iris —
Sur korno muŝ' sidanta diris:
Aŭskultu, kara! al vi se
Mi malfacila estas, diru,
Ke mi rapide tuj foriru.»
La bov' respondis: «Tute ne,
Pli frue eĉ ne sciis mi,
Ke sur la korno sidas vi!»

Aleksander Naumann.

---

## 94.

# La kandelo.

(Fablo.)

---

«La laterno premas min,»
— Tjel parolis la kandelo, —
«Volas lumi, kiel stelo,
Mia frato sur ĉielo.»
La latern' malfermis sin, —
«Huh!» estingis vento ĝin.

Aleksander Naumann.

---

95.

## Kanto.

Kanto sincera de mia animo,
Flugu en vaston sen timo
Ed komuniku al homoj de-l' tero
Ĝojon de-l' sankta espero.
Homojn alvoku al paca laboro,
Sonu konsolon al koro,
Ed en brilanta bluaĵo de spaco
Laŭte prediku pri paco.
Kantu deziron de homa frateco
Ed de-l' homar' egaleco;
Sonu pri amo, pri ĉies libero
Per la fluganta aero.
Diru, ke estas jam inter la mondo
De kolegaro nun rondo;
Rondo, konstante, senhalte kreskanta,
Bonon al homoj donanta.
Tiu ĉi rondo la homojn pacigas
Ed per laboro kunligas;
El la ligilo nun estas plektita
Vigla la kanto invita.
Kanto sincera de mia animo,
Flugu en vaston sen timo
Ed komuniku al homoj de-l' tero
Ĝojon de-l' sankta espero!

I. Seleznet.



## 96.

## Revo.

Tre potenca lo estas, la revo fluganta,
Ĉirka'ita de flora ornamo.
Lo similas je nubo malluma, tondranta,
Lo similas je lumo de amo.
Lo allogas al maro da bluo, da helo,
Al brilado belega de tago,
Aŭ lo fulmojn ed tondrojn de nuba ĉielo
Prezentadas al nia imago.
Aŭ flugante en ia bluaĵo radia,
Super ondoj de maro lo pasas,
Tre belega, pasanta kun son' melodia,
Mallumecon misteran lo lasas.
Ed por lo ne ekzistas la spaco nek tempo,
Ed nenio baranta ekzistas;
Lo nin logas al floroj, al verda printempo,
El mirinda lo sole konsistas.

I. Seleznet.

## 97.

## La Poeto.

(El V. Hálek.)

Benita, kiun Dia mano
Poeton eksantigis!
Li volon Dian, homan koron,
Profunde komprenigis.

Li konas kanton, kiun homo
Ed kiun birdo ploras;
Li frapon de la kor' komprenas,
Se velkas l'o, se floras.

Malklaron de aliaj homoj
Li vidas malfermitan;
De Di' la filojn li kondukas
En landon promesitan.

Emil Smetánka.



## 98.

## La printempo.

(El V. Hálek.)

La birdoj de la mar' revenas
Kun veno de la varma sun';
Ed se mi ilin ekrigardas —
Ho! miaj pensoj estas kun!

Ed tiam estas tiel vera
L'antikva vorto de-l' saĝec',
Ke en aŭtuno de la birdoj
Ed de la pensoj malriĉec'.

Ed tiam estas tiel vera
La kara vort' por mia kor':
Silentas la anim' kun birdoj
Ed kun printempa kantas ĥor!

La birdoj de la mar' revenas —
Ho! miaj pensoj estas kun;
En mia koro vivo kreskas
Kjel la herbaro sub la sun'.

Emil Smetánka.



## 99.

## Fantazjo.

Ĉiutage ĉiam la deziroj,
Ĉiutage revoj ed la revoj!
Ofte mi ravita per la diroj,
Kun rapido de malgrandaj mevoj

Flugas en la antikvecon gloran,
Ed, trovante pacon tie sole,
Kun bedaŭro tute kontra'vole
Mi revenas en vantaĵon floran.

Leonid Sokolov.



## 100.

## La velo.

(El Lermontov.)

Blankiĝas velo en la maro
Glitante sur la bluaj ondoj . . .
Vi hejme kion lasis, kara,
Ed serĉas en aliaj mondoj? . .

La ondoj ludas, fajfas vento,
Ed fleksas sin ed krakas masto...
Lo kuras, kuras de-l' kontento,
Feliĉon serĉas en la vasto! . . .

Sub lo — bluaĵo estas hela,
Ed supre — granda blua placo;
Sed la ventegon petas velo —
Ĉu en ventegoj estas paco!?

Leonid Sokolov.



## 101.

## Plendo.

Morto! . . . ĉio jam finita!
Kie estas do feliĉo?
Kie gloro promesita?
Mia korpo nun — dediĉo
Al la vermoj, al putrado;
La animo bona, saĝa —
La ofer' de-l' neestado!

Lon severa ed sovaĝa
La sendanka, senmemora,
En la tempo de vivado
La servema ed fervora,

Senanima societo
Ekforgesos nun por ĉiam,
Ed eĉ ĝemo ed larmeto
Memorigos min neniam!...

M. Solovjev.



## 102.

## Laŭ sveda melodjo.

Vi parolas lingvon nekonatan,
Ne komprenas, kion diras mi;
Tamen, frato, kanton nun faratan
Gaje kanti povas amb'e ni.

Ne atendu — ĉiu minuteto
De mallonga vivo flugas for, —
Lernu kun malmulta laboreto
Lingvon, kiun amos via kor'!

Karl Svanbom.



## 103.

## Ne diru.

(El Nadson.)

Ne diru: «li mortis»,
Li estas vivanta!
Se oni detruis l'altaron —
La fajro ja restis flamanta;

Se oni deŝiris la rozon —
Do ĉiam ankor'e l'o floras;
Se l'harpo eĉ estas rompita —
L'akordo ankor'e do ploras.

**Samuel Ŝatunovski.**



## 104.

## Kun sia bruado . . .

(El Geibel.)

Kun sia bruado l'eterna maro,
Kun sia murmuro la verda arbaro,
Ĝis nun la saman kanton kantis
Kiun je la kreado jam ili ekkantis.

Kiel ajn ŝanĝados kun tempo la mondo,
Kiel ajn kriadus la homoj en rondo,
Resonas l'antikva saluta ekkrio
De ondo al ond', de foli' al folio!

Se mi pri-l' eterna nun volas pensadi
Mi iras al la antikva arbaro,
Staranta sur alta bordo del' maro.

Aŭdante kun bruo interparoladi
La ondojn ed arbojn, vekiĝas en koro
De-l' Dio kreinta la sankta memoro.

**Eduard de Wahl.**



## 105.

# Ĉe-l' maro.

(El Heine)

---

Ĉe-l' maro nigra roko grandegas,
Sur l'o nun en sonĝoj mi sidas.
La vento fajfas, la mevoj kriegas
Ed la ondoj bruantaj rapidas.

Amata de mi multa knabino,
Ed ĝoja kolego en rondo . . .
Kien ili foriĝis? Nur vento sen fino
Eraras ed ŝaŭmas la ondo.

Eduard de Wahl.



## 106.

# Versaĵo sen fino.

---

Lin vidis en ĝardeno —
Ekplaĉis li al ŝi.
Ŝi nomis sin Helena,
Anton' sin nomis li.

Ekamis la konato
Ed reciproke ŝi;
Post paso de monato
Ŝanĝiĝis «Vi» per «ci»

Someraj tri monatoj
Trapasis dolĉe for,
Ed niaj geamatoj
Jam estis kor' ĉe kor';

Ed per solena beno
De-l' pastro en la fin'
Antono ed Helena
Jam estis edz'-edzin'.

En ĉarma harmonio
Ekvivis edz'-edzin';
Najbaroj kun envio
Rigardis lin ed ŝin.

Sed bald'e edzo estis
Plej malfeliĉa hom',
Ed jam tre ofte restis
Li ekster sia dom'.

Ed fine eksedziĝis
Antono ed Helen';
Belul' ia aliĝis
Al ŝi en la ĝarden'.

Lin vidis en ĝardeno —
Ekplaĉis li al ŝi.
Ŝi nomis sin Helena,
Aŭgust sin nomis li.

Ekamis la konato
Ed reciproke ŝi ;
Post paso de monato
Ŝanĝiĝis «Vi» per «ci».

Someraj tri monatoj
Trapasis dolĉe for,
Ed niaj geamatoj
Jam estis kor' ĉe kor'.

Ed per solena beno
De-l' pastro en la fin'
Aŭgusto ed Helena
Jam estis edz-edzin'.

En ĉarma harmonio
Ekvivis edz'-edzin';
Najbaroj kun envio
Rigardis lin ed ŝin.

Sed bald'e edzo estis
Plej malfeliĉa hom',
Ed jam tre· ofte restis
Li ekster sia dom'.

Ed fine eksedziĝis
Aŭgusto ed Helen';
Belul' ia aliĝis
Al ŝi en la ĝarden'.

Lin vidis en ĝardeno —
Ekplaĉis li al ŝi.
Ŝi nomis sin Helena,
Henrik' sin nomis li
E. t. p. e. t. p. sen fino.

Feliks Zamenhof.



## 107.

## Frenezulino.

La juna, bela, vizaĝ' anĝela,
Senkulpa, kjel infano,
Ĉe la patrino ŝi, sol-filino,
La helpa dekstra mano.
Sen zorgo ia la vivo ŝia
Fluadas sen doloro.
Sed venis amo, la kora flamo —
Ekfrapis ŝia koro.
Sinjoro riĉa al la feliĉa,
Senzorga ed nesperta
Sopire ĝemas, la belan premas
Li, deloganto lerta.
De la riĉulo kun larmokulo
Avertas ŝin patrino;
Ne helpas varmaj admonoj larmaj —
Jam amas la filino.

— «Filino mia! fals-amo lia
Por vi — nur malhonoro!...«
— Vi vane timas — li min estimas
Ed amas lia koro.
— «Sed amo lia nur papilia:
Elsuĉos koron vian —
Monato posos, li vin forlasos
Por ami duan... trian...»
— Ne, ne, patrino! — al ŝi filino
Obstine ed plorante —
Vi vane timas, li min estimas
Ripetas nur konstante.
— «Ne per admono, sed per bastono
Mi vin ekprudentigos!
Mi la belulon, abomenulon
El via kap' forigos!...
Ne enviinda ed ne aminda
Ho, estos lia sorto!...
Diabloj prenos lin, kiam venos
Li — nun al nia korto! —»
Filino staris, kun ŝultroj faris,
Respondon ŝi ne donis,
Sed en l'oreloj satan-kapeloj
Patrinaj vortoj sonis...

*   *
*

En la ĝardeno kun lun'-elveno
Sur alton la ĉielan

Sur la lageto en la ŝipeto
Ni vidas paron belan.
— Ho, kara mia! ĉu amo via
Por mi la malhonoro?
Ho, diru veron ed la esperon
Redonu al la koro!
Ed kial do vi, al si por trovi
Amatan — la edzinon,
Ne el grandmondo – el vilaĝrondo
Preferis la knabinon?
En mond' ja via knabino ĉia
Pli bela estas, riĉa? . . .
Ĉu mi, sovaĝa infan' vilaĝa,
Mi estas plej feliĉa? . . .
— Mi — . . . mia koro . . . maljusta moro . . .
Mi . . . mi vin sole amas!
Ed la fidela por vi nur, bela,
Kor' mia tremas, flamas! . . .
— Kjal do detenas, kjal do malbenas
Konstante min patrino?
— Vi ne aŭskultu, ed ŝi insultu,
Freneza la virino!
— Ho, timu Dion, ne diru tion.
Amata, kara mia! . . . .
Tsss . . . . en arbeto jen ŝanceleto . . . .
Ŝteliĝas fremda ia? . . . .
— Ne, vent' ekblovis, foliojn movis,
Vi vane timas, tremas.

Ed la tremantan li ŝin febrantan
Al sia brusto premas . . . . . — —
— Ho, malnoblulo! ha, vi krimulo! . . . .
Malben' al la filino! . . . .
Kvaz'e pantero ŝi en kolero
Jam naĝas, la patrino . . . .
Ŝi dronos eble, neeviteble,
Freneza en kuraĝo?
Sed la patrino, «frenezulino»
Ne dronas, malgr'e l'aĝo . . . . .
— Ŝi min malbenos, kiam mi venos
Al la patrina korto!
Ne rekonatan, malestimatan
Min pelos for sen vorto! —
Ekblovis vento de oriento,
Alportis malvarmeton . . . . .
Ed la patrino, «frenezulino»,
Renversis la ŝipeton — —

*           *
*

Nun la patrino — frenezulino
En frenezejo sidas,
Ed kun sovaĝo en la vizaĝo
Jen ploras ŝi, jen ridas;
Okulojn metas ed fulmojn ĵetas —
Kor-sangiganta homo! . . .
Sin turmentadas ed bataladas
Kun de la mort' fantomo.

— Vilaĝdometon ed ĝardeneton
Mi havis anta' jaroj ......
Ed filineton belulineton —
Enviis min najbaroj ...,
Korpeto neĝa, teniĝo reĝa ....
De ĉielruĝ' infano ...
Ha malnoblulo! .... ha, vi, krimulo!
Infera vi satano! ...
En la ĝardeno lageto plena ....
Ho, neenterigita ....
Mi ŝin mortigis, mi ŝin dronigis ....
Patrin' frenezigita!
Mi'. — — —
Ha! satano — for de-l' infano! ...
Ha, ha! .... «frenezulino»!? ....
— — — — —
Ŝi ekkriegis — sang' elŝprucegis
Ed — mortis la patrino .....

Feliks Zamenhof.



## 108.

## Vizito de la steloj sur la tero.

Ĉiuj steloj ekdecidis
Ekvojaĝi sur la teron.
Al mastrino ili diris
Sian volon ed esperon:
«Ni ja tie tre mallonge
Gastos — unu, du monatojn;

Ni vizitos regnon homan,
Vidos niajn koramatojn . . .»
Sed mastrino al la steloj
Tiam donis la respondon:
«Restu tie-ĉi en domo —
Vi malbenos poste mondon!»
Saĝajn vortojn ne aŭskultis
Tamen steloj la trudemaj
Ed senĉese ili tedis
La mastrinon — nespertemaj:
«Sed komprenu nin, mastrino,
Sur ĉielo ni sidante
Tute ja ne konas tiujn,
Kiuj kantas nin konstante!
Ĉiu ja el ni sur tero
Havas siajn adorantojn,
Kiuj sendas al ĉielo
Himnojn, ĝemojn, amokantojn!»
— «Vere», diris la mastrino,
»Ili kantas Vin laŭdinde;
Sed, Vin ili ne konante,
Vin adoras ja — en blinde!
Ili dum Vi sur ĉielo,
Ĵuras ami Vin eterne,
Ĉar neniu ja atingos
Lo kaŝitan en interne!
Se Vi tamen volas scii
Malfeliĉan Vian sorton,

Iru — sed Vi rememoros
Mian nunan patran vorton».
Ed la steloj al vojaĝo
Tuj pretigis sin kun ĝojo, —
Ed jen bald'e ili estis
Al la tero sur la vojo . . .

* *
*

Kiam aŭdis nun la tero,
Ke atendas l'on honoro,
Ĉie en plej dolĉaj tremoj
Tuj ekbatis homa koro.
Tuta tera junularo
De la ĝoj' ne sciis finon
Ed sen pacienc' atendis
Ĉiu sian amatinon.
Ĉiu kantis, ĉiu saltis
Kun feliĉ' en la mieno,
Ke li havos de proksime
«Ŝin» en sia ĉirka'preno.
Ĉiu homo dankas Dion
Ĉiu benas la ĉielon,
Ke li fine nun ekkonos
Sian karan, sian stelon!

* *
*

Dum la tera junularo
Estas plena de espero

Belaj steloj de-l' ĉielo
Alveturis al la tero.
Tuj sin ili jam dismetis
En plej granda la hotelo;
Ĝis vespero ĉe la pordoj
Ĉiuj staris — sed sen celo.
Je-l'vespero ili aŭdis,
Ke gastinoj la belegaj
Morg'e montros sin matene,
Nun estante tro lacegaj.
Tiam tre malĝojigitaj
Ĉiuj iris for la domon;
Post mallonge la Morfeo
Ĉirka'prenis ĉiun homon.
Kio estis en la sonĝo,
Ni priskribi eĉ ne provos,
Ĉar ni sentas, ke precize
Tion fari ni ne povos.
Ni en tiu-ĉi loketo
Iom nur priskribi volas,
Kiel . . . tamen tss! mi aŭdas,
Oni el la sonĝ' parolas:
«Ho, vi! . . ho, vi! . . . mia bela,
Mia kara, ho, Helena! . . .
Viaj kisoj ed karesoj»
Unu preĝas al kuseno.
Ed alia, flamemulo,
Ŝin jam havas ĉe-l' altaro,

Ed solene — en la lito —
Sonas ĵura promesaro . . .
— «Ho! . . . karega . . . ho, anĝelo,
Fianĉino . . . ho, Maria! . . .
Mia vi nun je eterne,
Anta' homoj, anta' Dio!»
Tiel li karesas, ĵuras
Amon veran ed brulantan,
Tiel kisas tiu homo . . .
Lampon apud li starantan.
Sed subite al li ŝajnas,
Ke Maria'n iu tenas
Ĉirka'prene! . . . «Ho, pro Dio! . . .»
(Lampon tuj diabloj prenas).
Ed cetere, ed cetere
Daŭris tio ĝis mateno. —
Elrapidas el la domo
Ĉiu freŝa kun mieno.
La gastinojn de-l' hotelo
Ni jam vidas sur la stratoj,
Ed jen bald'e promenadas
Brak' en brak' la geamatoj . . .
Sed neniu tie aŭdas
De la amo dolĉan vorton!
Ĉiu el la junularo
Nun malbenas sian sorton . . .

*  *
*

Kio faris tian ŝanĝon,
Ke anta'e tre amataj
Steloj, tiel deziritaj —
Nune estas malbenataj?
Kio faris, Vi demandas,
Tian ŝanĝon nun subitan?
Kio kaŭzis malfeliĉon
Ed esperon renversitan?
Ĉefa kaŭzo, ke malbenoj
Nun el ĉies buŝo sonis,
Estas — ke la «stelon» ĉiu
Pli proksime, pli ekkonis . . .

*   *   *

Ĉiuj steloj ofenditaj
Forveturis la ĉielon
Ed post kelkaj larmaj tagoj
Jam atingis sian celon.
— «Saĝa nia stelmastrino!
Sankta estis via vorto!
Prenu nun la tutan teron
La diabloj ed la morto!
Tamen kiel vi, mastrino,
Anta'sentis nian sorton?
Kio gvidis vian saĝan
Ed profetan vian vorton?»
— «Se Vin iu ne rigardas
Tra ĉieloj tra speguloj,

Sed rigardas Vin per sobraj
Ne trompantaj sin okuloj, —
Tiu vidos ja sendube,
Ke amata lia «stelo»
Estas sen la luma krono
Nur diablo — ne anĝelo.

Feliks Zamenhof.



## 109.

## Vespero.

(El K. A. Nikander.)

Benite vi venas, vespero,
Vi klara, trankvila, al ni!
Pleniĝas la kor' de espero;
Feliĉon ni havas de vi.

Kun oraj flugiloj anĝelo
Malsupren venetas vesper':
Vivantojn pacigas ĉielo
Ed donas ripozon al ter'.

Filino de nokto ed tago,
Konsola, paciga liber'!
Jen! bele sur akvo de-l' lago
Pentriĝas ĉielo ed ter'.

Vi pentras bluantajn montetojn,
Kverkaron brilantan en or';
Vi kisas ruĝantajn rozetojn,
Dormetas senzorge la flor'.

Ed birdo libere ĝojadas,
Espero fidela en li,
La «Ave Maria'n» kantadas
En valo li en harmoni'.

La ter' per mallumo kovriĝas,
Pensema amik'; kion pli?
La sun de ĉiel' malleviĝas,
Sed morg'e revenos al ni.

Lo sidas sur nubo, la brila,
Kaŝita en la okcident';
Tuj, homan esperon simila,
Tuj levos sin en l'orient'.

Pleniĝas nun kor' de espero
Feliĉon ni havas de vi!
Vi klara, trankvila vespero,
Benite vi venas al ni.

Otto Zeidlitz.



## 110.

# Galileo.

(El Konopnicka.)

---

(1633.) Interna plac' en palaco de-l' sendito Toskana en Roma. Sur balkono en granda seĝo ripozas Galileo; apud li genuiĝas filino. Castelli, lernanto de-l Galileo, rigardas per teleskopo estingiĝantajn stelojn. Matena brilo en fino de-l' nokto somera.

Castelli (montrante Galileon.)

Dormas?

Filino.

Ankore.

Castelli.

Kion povas songi
De-l' nokto lasta en lastaj momentoj
Pala maljun'-ĉi . . .

Filino.

Proksimu! Mi diros:
Li songas nun, ke pli jam granda Dio
Ne havas tronon de-l' ĉiopoveco
Sia eterna en blua larĝajo . . .
Ke fort' malbona per plumbo varmega
Plenverŝis ĉiujn buŝojn, kiuj povas
Veron ekvoĉi . . . ke penson flugantan
En rond' de-l' mondo, kjel spir' de homaro,
Premis per manoj, detruis per pjedoj
De-l' teruriga ruĝa mortigisto . . .

Ke por spirit' pli ne 'stas leĝ', libero . . .
Lon songâs . . . ed kun li ank' hodje songâs
Lon Roma tuta . . . ha! ed mondo tuta! . . .

Castelli.

Ho, sinjorino! doloro Vin venkas;
De-l' eterneco idealoj klaraj
Tuj ne perdiĝas, kiam batalanto
Unu ekfalis; tio n'estas inda
De-l' granda homo, fortunon de-l' vero
Per sia propra fortuno mezuri;
Super teraĵo de-l' mizer', bataloj
De ter' tiu-ĉi — estas porto ie
De trankvileco ed lum' por l'animo;
Ed la centjaroj kun aglaj flugiloj
Skuantaj, iam disŝiros la ĉenojn
De mallibero, ed trinki ekflugos
Tie el viva rivereto klara . . .
Ĉar homo falas, — ver' estas eterna!

Filino.

Eterna estas . . . ha, jes! . . . por eternaj . . .
Mi kion havas, ke ie, je sfero
D'esteco nia, je ordoj nubiĝaj
De centojaroj, la ver' ia estas
Ver' absoluta ed senparolanta —
Per sia fort', grandeco . . sendanĝera,
Kiu rigardas sen larmoj, sen tremo,
Kiel homaro profundaĵon flugas, —

Sunon . . . matenon . . . ne povante vidi? . . .
Mi, kion havas? . . . mi tie-ĉi hodje
Pensojn ŝancelas, . . . suferas . . . ed mortas. . .
Se vero estas, tondro lon parolu,
Aŭ en eterno suno estingiĝu!

(kun doloro)

Lo mia patro! mi volas lin vivan!
Amas lin! . . . aŭdas Vi?

(malfortiĝante)

Ha, kompatiĝu!
Diru, Vi kredas? . . . Rigardu! Mateno
Apud malvarma la Tibro vekita
Distuŝas tiujn blankajn harojn liajn . . .

Castelli.

Iam la gloron de tiu-ĉi frunto
Centjaroj voĉos — ed miljonaj homoj —
Ed tiam vero estos ekprenita.

Filino.

Ha! pli trankvile! . . . Vekiĝas . . .

Galileo (en sonĝo)

. . . Ĝordano
Bruno . . .

Filino.

Ha, patro! patro! . . . kiaj vortoj . .
Lo sonĝ' terura! . . .

Castelli.

Li sonĝas grandecon!

Filino.

(Tuŝas lian manon)

Patro vekiĝu! . . .

Castelli.

Sonĝas, ke 'stas forta!

Filino.

Per Di'! trankvile! Vi ne havas guton
De-l' sango homa!

Castelli.

Sonĝas senmortecon!

(Moment' de graveca silento.. Galileo vekiĝas.)

---

## (1633.)

Ĉagrenan la ter',
Kje regas mizer',
Ho, venu spirito Dia!
Tuj nokto ed mort',
Malluman la fort'
Sin verŝu la radjo Via!

Grandega river'
De-l' Via esper'
Preĝejon enflui volu!
En trompa, en voj',
Ho, Di', volon foj',
Nekomprenita, parolu!

De-l' sango en rond'
Kjam tremas la mond'
Ed fajron kje sentas ĉia,
Ho, estro ed Di',
Lum' montru al ni,
Ho, venu spirito Dia!

Leo Belmont.



# Registro de-l' enhavo.


LYON

# LITERATURO
## de la Lingvo Internacia Esperanto.

| N-ro | Nomo de la verko: | Kosto: |
|---|---|---|
| 1. | **D-ro Esperanto.** Meĵdunarodnyj Jazyk. Predislovie i Polnyj Uĉebnik. (Lernolibro de la lingvo Esperanto. Eldono rusa) . . . . . . . . . . . | 40 centim. |
| 2. | — Jezyk Miedzynarodowy. Przedmowa i Podrecznik Kompletny. (Lernolibro de la lingvo Esperanto. Eldono pola) . . . . . . . . . . . | 40 cent. |
| 3. | — Langue Internationale. Préface et Manuel Complet. (Lernolibro de la lingvo Esperanto. Eldono franca) . . . . . . . . . . . . | 50 cent. |
| 4. | — Internationale Sprache. Vorrede und vollständiges Lehrbuch (Lernolibro de la lingvo Esperanto. Eldono germana) . . . . . . | 50 cent. |
| 5. | **R. Geoghegan.** Dr. Esperanto's Internat. Language. Introduction and Complete Grammar. (Lernolibro de la lingvo Esperanto. Eldono angla) . . . | 50 cent. |
| 6. | **D-ro Esperanto.** Malgranda vortaro de la lingvo Esperanto por Rusoj . . . . . . . . . . | 8 cent. |
| 7. | — por Polonoj. . . . . . . . . . . . . . | 8 cent. |
| 8. | — por Francoj . . . . . . . . . . . . | 8 cent. |
| 9. | — por Germanoj . . . . . . . . . . . | 8 cent. |
| 10. | — por Angloj . . . . . . . . . . . . . | 8 cent. |
| 11. | **D-ro Esperanto.** Dua Libro de-l' Lingvo Internacia (verkita en la lingvo Esperanto) . . . | 65 cent. |
| 12. | **D-ro Esperanto.** Aldono al la Dua Libro de-l' Lingvo Internacia (en Esperanto) . . . . . | 25 cent. |
| 13. | **Hanez.** Safah achath lekulanu (Lernolibro de la lingvo Esperanto. Eldono hebrea) . . . . . | 50 cent. |
| 14. | **A. Grabowski.** La Neĝa Blovado. Rakonto de Puŝkin (en Esperanto) . . . . . . . . . | 40 cent. |
| 15. | **L. Einstein.** La Lingvo Internacia als beste Lösung des internationalen Weltspracheproblems. Vorwort, Grammatik u. Styl nebst Stammwörter-Verzeichniss . . . . . . . . . . . . . | 1 fr. 25 c. |
| 16. | **N. N.** Rusa traduko de la «Dua Libro de-l' Lingvo Internacia» . . . . . . . . . . . . . . | 65 cent. |
| 17. | **D-ro Esperanto.** Plena vortaro rusa-internacia | 2 fr. 50 c. |

N-ro — Nomo de la verko: — Kosto:

18. **N.·N.** Rusa traduko de la «Aldono al la Dua Libro» 25 cent.
19. **A. Grabowski.** La Gefratoj. Komedjo de Goethe (en Esperanto) . . . . . . . . . . . . 40 cent.
20. **L. Einstein.** Weltsprachliche Zeit- und Streitfragen. Volapük und Lingvo Internacia . . . 65 cent.
21. **D-ro Esperanto.** Meza vortaro internacia-germana . . . . . . . . . . . . . . . 65 cent.
22. **Henry Phillips,** Jr. An Attempt towards an International Language by Dr. Esperanto, translated by Henry Phillips Jr., a secretary of the American Philosophical Society. Together with an english-international Vocabulary compiled by the translator . . . . . . . . . . . . 1 fr. 25 c.
23. **Hanez.** Lernolibro de la lingvo Esperanto. Eldono hebrea-germana. . . . . . . . . . . . . 50 cent.
24. **G. Henriclundquist.** Dr. Esperanto's Internationelt Sprak (Lernolibro de la lingvo Esperanto. Eldono sveda) . . . . . . . . . . . . . . 50 cent.
25.* **A. Demonget.** Internacia ou Volapük?
26. **E. de Wahl.** Vortaro Esperanto-hispana . . . 8 cent.
27.* **G. Henriclundquist.** Vortaro Esperanto-sveda.
38. **Klubo Nurnberga.** La Lingvo Internacia. Vollständiger Lehrgang der internationalen Sprache nebst Wörterbuch zum Gebrauche für Deutsche 65 cent.
29. **R. Libek.** Starptautiska Waloda (Lernolibro de la lingvo Esperanto. Eldono latva). Lettisch 1 fr. 50 c.
30. **E. de Wahl.** Princino Mary. Rakonto de Lermontov (en Esperanto). Kajero N-ro 1 . . . 56 cent.
31. **Adresaro** de la Esperantistoj, kajero N-ro 1 . 25 cent.
32. **Marietta Frollo.** Vortareto Esperanto-rumana 8 cent.
33. **Chr. Nielsen.** Laerebog til det internationale Esperantosprog. (Lernolibro der lingvo Esperanto. Eldono dana) . . . . . . . . . . . . . 65 cent.
34. **M. S. Bogdanov.** Pulen ucebnik za svetski ut jezik. (Lernolibro de la lingvo Esperanto. Eldono bulgara) . . . . . . . . . . . . . 1 fr. 25 c.
35. **Dr. D. Marignoni.** Esperanto ossia la piu pratica delle lingue internazionali (Lernolibro de la lingvo Esperanto. Eldono itala). . . . . . 65 cent.
36. **J. Rodriguez Huertas.** Gramática de la Lingvo Internacia del Doctor Esperanto. (Lernolibro de la lingvo Esperanto. Eldono hispana . . 50 cent.

| N-ro | Nomo de la verko: | Kosto: |
| --- | --- | --- |
| 37. | **A. Grabowski.** Kondukanto internacia de-l' interparolado kun modeloj de leteroj (en Esperanto) | 75 cent. |
| 38.* | **A. Zinovjev.** Meĵdunarodnyj jazyk «Esperanto». | |
| 39. | **Fr. Vl. Lorenc.** Uplna uĉebnice mezinarodni reĉi dra. Esperanta. (Lernolibro de la lingvo Esperanto. Eldono bohema) . . . . . . . | 65 cent. |
| 40. | **D. Gureviĉ.** Sefer hamilim Esperantis (Vortareto hebrea-esperanta . . . . . . . . . . . . | 50 cent. |
| 41. | **L. Zamenhof.** Vsemirnyj jazyk Esperanto. Polnyj uĉebnik s 2 slovarjami (Poŝa lernolibro de la lingvo Esperanto por Rusoj) . . . . . . . | 25 cent. |
| 42. | **Wörterbuch** der internationalen Esperanto-Sprache. Deutsch internationaler Teil. Meza vortaro germana-internacia . . . . . . . . | 65 cent. |
| 43. | **Die Weltsprache Esperanto.** Vollständiges Lehrbuch nebst 2 Wörterbüchern (Poŝa lernolibro de la lingvo Esperanto por Germanoj) . . . | 25 cent. |
| 44. | **A. Grabowski.** La Nova Jaro, de Boleslav Prus. Janko Muzikanto, de H. Sienkiewicz (en Esperanto) . . . . . . . . . . . . . . | 50 cent. |
| 45.* | **Ludwig Meier.** La Lingvo Internacia Esperanto. | |
| 46. | **V. V. de Majnov.** Renaskita Manfred, dramo en tri aktoj, de K. R. (en Esperanto) . . . | 65 cent. |
| 47.* | **A. Dombrovski.** Lingvo internacia de D-ro Esperanto, eldono litva. Mokintuve terptautiszkos kalbos D-ro Esperanto. | |
| 48.* | **V. B.** Parolo pri la lingvo Esperanto en la Muroma Muzika-Drama Societo. | |
| 49. | **I. Lojko.** 50 Elektitaj Fabloj de Ezopo (en Esperanto) . . . . . . . . . . . . . . | 50 cent. |
| 50.* | **V. L. Kravcov.** Vsemirnoje djelo. | |
| 51. | **Cl. Adelsköld.** «L'Espero», hymne dans la langue nouvelle «Esperanto», mis en musique | 75 cent. |
| 52. | **R. Geoghean.** The Universal Language Esperanto. Complete Instruction Book with two Vocabularies . . . . . . . . . . . . . | 30 cent. |
| 53 | **L. de Beaufront.** Manuel Complet de la Langue Internationale Esperanto avec double vocabulaire | 50 cent. |
| 54. | **Regularo** de la societo «Espero» . . . . . | 20 cent. |
| 55. | **G. H. Backman.** Fullständig lärobok i verldsspråket «Esperanto» jemte två ordböker. . . | 85 cent. |

| N-ro | Nomo de la verko: | Kosto: |
| --- | --- | --- |
| 56. | **«Esperanto».** Meĵdunarodnyj jazyk, predislovie i polnyj uĉebnik (lernolibro kun antaparolo por Rusoj) . . . . . . . . . . . . . . | 15 cent. |
| 57. | **J. H. Ferreira.** A lingua universal «Esperanto». Methodo completo comprehendendo dois voccabularios. (Lernolibro de la lingvo Esperanto. Eldono portugala) . . . . . . . . . . . | 30 cent. |
| 58. | **Dr. K. G. Klaresino.** Azbuka original . . . | 65 cent. |
| 59. | **Novaj Esperantistoj.** Serio XII. . . . . . . | 10 cent. |
| 60. | **E. Neumark.** La libro Ruth, el la Bibljo (en Esperanto) . . . . . . . . . . . . . . . | 25 cent. |
| 61. | **L. de Beaufront.** Langue internationale Esperanto, Introduction et Manuel . . . . . . | 15 cent. |
| 62. | **Novaj Esperantistoj.** Serio XIII . . . . . | 10 cent. |

Steleto (*) apud la numero montras, ke la signitan verkon oni nun jam ne povas ricevi.

---

Ekster tio-ĉi diversaj verkoj, originalaj ed tradukitaj, estas presitaj en la gazeto «Esperantisto» de la jaroj 1890, 1891 ed 1892, de kiuj jam neuia ekzemplero restis.

---

☛ Ni rekomendas la ĉiumonatan gazeton en la lingvo Esperanto

## «ESPERANTISTO»,

kiu kostas 2 frankojn por jaro.

---

Ĉiujn supre nomitajn verkojn ed anke la gazeton «Esperantisto» oni povas ricevi de

## L. Zamenhof.

### Varsovio, str. Novolipki N-ro 21 (Polon'jo).

(10 centimoj = 8 pfenigoj = 4 kopekoj.) En loko de mono oni povas sendi signojn de poŝto de ĉia lando. Por la poŝta transsendo oni pagas (sen diferenco de la pezo ed malproksimeco) 10% de la nominala kosto de la libroj. Kiu aĉetas por pli grandaj sumoj per unu fojo, povas ricevi rabaton.

